

# INTERNACIA PEDAGOGI

# REVUO

OFICIALA ORGANO DE TUTMONDA ASC
DE GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ T.A

## ENHAVO



12-a JARO / N-RO 1 / JANUARO-FEBRUARC

## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

En landoj:

Angla: Fino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, Bournville, Birmingham.

Alĝeria: Jean Delor, E. P. S. Rampe Valée, Alger.

Aŭstra: Fr. Scheibenreiter, Hermannsgasse 31/26; Wien, VII; Konto P.S.: B 134611

ŭstralia: H. M. Lanyon, Harrow St., Box Hill E 11, Melbourne (Victoria).

Belga: H. Rainson, Hombeeksche-steenweg 54, Mechelen.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: A.Valoušek, uĉitel,Brno-Medlánky; poŝtĉeka konto Brno 102 169.

Estona: Esperanta sekcio ĉe Tall. Instruista societo,Tallinn, Kollane, 30 A-2.

Finlanda: Elmi Tamminen, Sitavuorenranta 4 A, Helsinki.

Franca: F. Vérot, rue des Villas, St.-Etienne (Loire).

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857, aŭ poŝtĉekkonto Dresden 263.79, Kurt Hofmann, Riesa.

En landoj:

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, Provenza, 99, 1º. 4, a, Barcelona.

Hungara: Bleier Vilmos, Mester-u. 53. V. 7, Budapest, IX.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Jugoslava: Stanko Prvanoviĉ, Halovo p. Zajeĉar.

Latva: S-ino O. Jušen, Riga, Slokas iela N. 112 dz. 1.

Litova: Mok, A. Prapuolenis, Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Pola: B. Gluchowski, św. Wincentego 80, Warszawa 24; poŝtĉekkonto: 16.992.

Sveda: Torsten Torbjär, Mariagatan 15 a, Göteborg. poŝtĝirokonto 431 48

Svisa: S-ino N.Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo.

Urugvaja: Pedro Casas, San José 1123, Montevideo.

U. S. A.-a: David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor.

# Abonprezo

**Tutjara abono 1 USA-dol.,**
**Duonjara provabono 1/2 dol.,**
**Opa numero 1/4 dol.**

La abonprezo estas fiksita en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Niaj agentoj kompreneble akceptas egalvaloron en nacia mono. Kiu sendas la abonprezon rekte al la administracio, bonvolu uzi plej eble dolarojn.

**Membroj de la Germana asocio** sendu la kotizon al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer", Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 278 57.

**Membroj de la Saksa asocio** al k-o Karl Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 11 63, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.



# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Germanlando.
Adm.: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk: Dresden 26379
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.

12-a JARO / NUMERO 1 / JANUARO-FEBRUARO 1933

# La reformaj fortoj en la metodiko de l' germana muzikinstruado.

De Alfred Schmidt,
docento en la Pedagogia Instituto, Dresden.

La germana gimnastiko dum la lastaj jardekoj fundamente ŝanĝiĝis, tiel ke gimnastika leciono nuna preskaŭ neniel similas al gimnastika leciono antaŭ 50 jaroj. La desegnoinstruado tute aliiĝis kaj dum la lastaj jaroj refoje estas revoluciita sekve de la teorio de Gustav Britsch. Sed en la lerneja muzikinstruado la progreso estas multe malpli furioza. La kaŭzo por tio estas eble la fakto, ke la iama edukado de la instruistoj en la seminarioj tre zorge traktis la muzikon kaj donis al ili ne nur riĉan trezoron de muzika klero, sed ankaŭ enpenetrigis ilin en la multelprovitajn metodojn de muzika klerigo. Ĉar estas malnova spertaĵo, ke novajn vojojn oni serĉas unue tie, kie oni estas plejmalbone instruita. Tial oni povas kompreni, ke la reformemo sur la kampo de la lerneja muziko kreskis dum la lastaj jardekoj samgrade, kiel la muzika eduko en la edukado de l' instruistoj malkreskis.

Sed ankaŭ la propreco de la muziko mem devis re- kaj refoje moderigi la rapidon en la evoluo de l' muzikinstruado. Ĝia objekto estas malmulte konkreta, estas flugema, en plej alta grado spirita. Ekz. la desegnanta infano havas ĉiam antaŭ si sian verkon kaj povas laŭvole ŝanĝi; sed melodio nur kantetata forflugas jam dum naskiĝo; kaj se ĝi ne eniris jam la memoron, ĝi estas perdita por ĉiam. Krome oni pripensu la malperfektecon de la skriba notado, kies misterojn la ano de popola lernejo komprenas nur post longa ekzercado kaj primitive. Oni konsideru la maleblecon, intuige instrui muzikon alie ol per la aŭdado — spite la nenombreblajn provojn, helpigi por tio ankaŭ aliajn sensojn. Tiel dum jarcentoj multege da valoraj fortoj elĉerpiĝis penante trovi nepre efikan rimedon por ĉiaj teknikaj detalaĵoj; kaj oni tute forgesis, ke ĉio teknika fariĝas memkomprenebla, se oni derivas ĝin de la vivanta muziko. La evoluo de la tekniko de la instrumentoj en la epokoj de la klasikuloj kaj de la romantikuloj sekvigis, ke oni tute forgesis la samrang-

econ de kantado kaj ludado, ke la muzikinstruan taskon oni vidis plenumita, se kanto plimalpli bone povis esti kantata. Preskaŭ neniel oni zorgis pri la infana voĉo, kiun oni rigardis donaco de la favora naturo, nepripensante, ke ĝi estas evoluebla kaj ankaŭ zorge kaj singarde ekzercenda. Lasta kaŭzo por prosperiga evoluo de la lerneja muzikinstruo estas ĝia izoliteco. Ĝis komenciĝo de la nova jarcento kaj ankaŭ poste ankoraŭ la kantinstruado estis nur „teknika“ fako, multe subordita al la „sciencaj“ fakoj kaj tial malalte ŝatata (ankoraŭ multe pli malalte la muziko estis kaj estas ŝatata en la altaj lernejoj). Oni kantis nur en la kantleciono. Ke la muziko foje povas fekundigi ankaŭ alian lecionon, ke la muziko povas tiri utilon el aliaj instrufakoj, tion oni kredis neebla aŭ almenaŭ negrava.

Novaj fortoj devis aperi kaj kunagi, por rompi la katenojn de tia tradicio. Decide influis ĝeneralaj pedagogiaj reformoj (instruo per laboro, per sperto, artinstruado ktp.), novaj psikologiaj ekkonoj (psikanalizo, infanpsikaj esploroj ktp.), fine ĝeneralaj kulturfilozofiaj kaj sociaj tendencoj, precipe la tiel nomata „junulara movado“. Speciale de sur la muzika kampo havis influon: la nova ekkono pri la esenco de la muziko, kiun la moderna homo ne rigardas plu nura esprimo de sentoj aŭ malvarma „sonanta formo“, sed forto, vivo; la klopodoj pri eduko de la voĉo kun ĉiuj flankaj sekvoj; la forlaso de malnovaj romantikaj ideoj, kiuj superakcentis la muzikon de la malnova epoko; fine la giganta progreso en la konstruo de instrumentoj kaj en la „konservado“ kaj disaŭdigado de muziko (gramofono kaj radio).

La gvidantaj ideoj de la reforma movado estas tute koncize jenaj:

1. M u z i k o e s t a s v i v o, estas forto, energio, movo. La unua tasko de ĉiu muzika edukado devas esti, eie splori ĉiujn ties esprimojn, enaŭdi en la muzikan okazadon, lasi evolui ĉiun movon. La universala principo pri streĉo kaj malstreĉo estas trovata kaj observata speciale en la melodio — per tio la melodiscienco, ĝis nun nekonata en la muzikteorio, fariĝas fundamento de populara instruo pri muzika praktikado. La krono de tiuj aspiroj estas la „kreanta muzikeduko“: la infano kompletigas komencitajn muzikajn frazojn, trovas melodiojn por malgrandaj versoj kaj ĉiutagaj babiloj (demando kaj respondo), fine ankaŭ instrumentajn melodiojn kaj plej simplajn akompanaĵojn (por fortepiano, liuto ktp.). Estas preskaŭ nekredeble, ke progresemaj pedagogoj ne jam antaŭ longe trovis la ideon: la interna impulso en ĉiu homo, esprimi siajn sentojn per memeltrovita — eble dum promenado zumkantita — melodio, tiu impulso povas esti utiligata ankaŭ por la muzikinstruado, povas instigi la spontanean agemon de la infano en tiu fako kaj aplikas la ideon de la perlabora instruo al la muzikinstruado.[1])

2. Kion la plenkreskinto, la kulturhomo komprenas sub la vorto „muziko“, tio estas nur izolita parto de origina tutaĵo el vorto, tono kaj korpomoviĝo. Tiu nedisigebla tutaĵo estas l a „p r i m i t i v a k o m p l e k s a a r t a ĵ o“ (Müller-Freienfels) d e l a i n f a n o k a j d e l' p r i m i t i v a h o m o. Nur malrapide kaj diverstempe la infano sukcesas eligi la muzikon el tiu triunuo; relative facile ĝi sukcesos helpe de la korpmoviĝo. Pri tio devas esti konscia la instruisto precipe en la elementaj klasoj, sed ankaŭ tiu en la supraj, kiam li intencas, veki intereson kaj komprenon por pura instrumenta muziko. Tion

---

[1]) Jöde: Das schaffende Kind in der Musik; 2 partoj. Wolfenbüttel 1928, Kallmeyer.

li povas atingi nur per muziko kunigita kun movoj, per marŝ- kaj dancmuziko, kiu ja por multaj homoj restas la sole „digestebla“ formo de la muziko. La popolara muziko, en kiu plej pure konserviĝis tiu triunueco, devas tial esti kaj resti la ĉefa objekto de la lerneja muzikinstruado. Tiu plue devas plej intime alkliniĝi al la instruado pri la gepatra lingvo kaj al la gimnastiko; ĝi devas ekkonigi, ke muziko estas lingvo, ke en la lingvo estas muziko; ĝi devas atenti, progresigi kaj fortigi la emon de l' infano, transformi muzikon en movojn. En la lasta tempo oni kredas ankaŭ rilatojn de la muziko al la manartoj; oni faras pri tio eksperimentojn igante la infanojn pentri kaj desegni laŭ aŭdita muziko.

3. Ne ekzistas homo, kiu povas nesenti la naturan forton de la muziko. Eĉ al plej „nemuzika“ homo marŝo aŭ vigla dancmelodio „movas la gambojn“; eĉ homo kun tute sentalenta voĉo ekkonas, ke ĉe melodio lasita nefinita, ĉe disonanco ĉe la fino „io ne estas en ordo“. Ĉiu homo sekve devas havi ian rilaton al la muziko — ne ekzistas homo tute nemuzika. Tial ĉiu ankaŭ devas esti impresebla per muzikinstruo, eĉ devas esti iudirekte sopiranta tian instruon. Pro tio la permeso, ne partopreni la muzikinstruon — kio estas praktiko precipe en la alta lernejo — ne darfus esti donata.

4. Sed la estetika mezuro de l' infano ne egalas dekomence al tiu de la plenkreskinto. Ĝi muzikas neĝenata de la leĝoj, kiujn la plenkreskinto per jarcentaj ekzercado kaj pripensado evoluis por sia muzika vivo. Ĝi ne konas jam la vicon de tonoj elektitan el la senfina amaso de ĉiuj eblaj tonoj. Sekve ĝia tonprovizo estas multe pli granda. Por ĝi la kanto estas des pli bela, ju pli laŭta ĝi estas. Estus tute malĝuste, kontraŭi tion. Kompreneble estas turmento por la instruisto, se li devas deklari laŭnatura tiun multvoĉan, superlaŭtan kantadon de la malgranduloj, se li ne darfas diri al ili, ke laŭ liaj konceptoj ili kantas malbele. Jen la plej malfacila punkto en la muzika evoluo de l' infano! Se ĝi estas malatentata, tiam poste nenion plu utilas la plej granda arto de la instruisto. Ĉar ankaŭ ĉi tie la infano devas trairi la evoluon, kiun la homaro travivis dum jarcentoj. Tio ja okazas tre rapide; sed neniu paŝo darfas esti forlasata, kaj la rapido ne darfas esti akcelata. Tial ĉiu muzika ago de la infano devas komence esti rigardata kiel (relative) ĝusta. Tial oni ne nomu sentalentaj la „ursblekulojn“ kaj ne elpuŝu ilin el la muzikpraktikado, sed kontraŭe fortigu ilian kuraĝon kaj iom post iom alkonduku ilin al la kulturmezuroj de la plenkreskintoj.

5. Pro tio la instruisto devas forlasi la tradician opinion, ke la grado de la muzika kapablo estas taksenda sole laŭ la kapablo por kantado. Ĉar la kantkapablo de la infano altgrade dependas de fiziologiaj kaj anatomiaj kondiĉoj; ĝi ofte — malgraŭ sia bona intenco — ne povas kanti ĝuste, ĉar ĝiaj voĉorganoj ne estas jam finevoluintaj aŭ nur malperfekte obeas al la volo. Krome ekzistas tri tipoj de muzikemaj homoj: Multaj estas kantkapablaj, sed havas malgrandan emon al ludo de instrumentoj. Kontraŭe kelka kantas nur malvolonte, sed entuziasme instrumentas. Kaj la tria tipo estas tiuj homoj, kiuj — sen multe kanti aŭ ludi — tamen havas grandan amon al la muziko kaj eminentan komprenon por ĝi, en kiuj la muzika ĝuo eĉ povas esti pliintensigata per racia koncepto. Laŭnombre la kantanta tipo superpezas.

Tamen la lernejo ne darfas neglekti la instrumentan, la ĝuantan kaj la intelektan tipojn. Ĝi devas laŭeblel kunagigi instrumentojn en la mano de la lernantoj, por subteni la kantadon, por homofone aŭ polifone akompani, por intuige prezenti muzikajn procedojn en kazoj, kiam la voĉo tion ne kapablas ktp. Oni uzu por tio sur la elementa ŝtupo infaninstrumentojn, sur la supra ŝtupo popularajn dominstrumentojn (liuton, violonon k. s.) Al la ĝuanta kaj la intelekta tipoj precipe servus elementa instruo pri la muzikaj formoj, simpla muzikhistorio (sur la fundamento de la hejma regiono) kaj populara instruo pri la instrumentoj; en ĉiu lernejo ili estu traktataj laŭeble.

6. La plej grava principo estas (laŭ Jöde): „U n u e l a s u e s t i m u z i k o n i n t e r v i!“ Por multaj infanoj la lernejo estas ja la unua loko por aŭdi muzikon, almenaŭ valoran muzikon. Tial la instruisto kiel eble plej ofte kantu kaj ludu antaŭ siaj lernantoj kaj altiru por tio ankaŭ aliajn personojn: infanojn el la klaso, kiuj progresis jam pli multe, pli aĝajn infanojn, parencojn kaj amikojn de la lernejo. Ankaŭ gramofono kaj radio povas (inter nevastaj limoj) bone servi. La instruisto serĉu rilaton al la privata muzikinstruo de la infanoj. En la grandurbo orkestro-koncertojn kaj operojn li utiligu por la muzika edukado, sed li gardu sin, transpaŝi la konceptkapablon de la infanoj. La „naiva infano“ amas infan- kaj ludkantojn kaj ĉiun muzikon, kiu instigas al moviĝo; la „realulo“ (9-a ĝis 13-a vivjaro) ŝatas migro- kaj marŝkantojn kaj baladojn kun la alapartenanta instrumenta muziko, la knabinoj ankaŭ popoldancojn kaj sentimentalajn kantojn; la adoleskulo (periodo de puberiĝo) preferas kantojn kun forte akcentita anima (gemuta) enhavo (la kantkapablon tiutempe malgrandigas la mutacio; sed kompense kreskas la artkonceptemo, la intereso por la intelekta flanko kaj por teknikaj problemoj). Komunaj ago kaj travivo en la muzikpraktikado prosperigas la senton por kuneco; la majesteca karaktero de la muziko faras ĝin taŭga por beligi festojn. Pro ĉiuj ĉi kaŭzoj la ideala muzikedukisto en la popollernejo ne estas la muzika fakinstruisto, sed la gvidanta instruisto de la klaso. Sed ankaŭ en lernejo kun fakigita lernplano oni devas uzi ĉiun okazon por kanti (religiajn, heroajn, hejmregionajn kantojn k. s.).

7. L a v i v o k i a ĝ i e s t a s, e s t u l a f u n d a m e n t o k a j l a c e l o d e l a l e r n e j a l a b o r o. Do oni devas instigi la infanojn, aŭdi, koncepti kaj imiti la muzikon, kiu sin prezentas al ili ĉiutage. La krio de stratvendisto, la kanto de l' birdoj, la aŭtomobilkorno, la ritmo de l' ŝtondishakistoj kaj de la trajno, la ritmo kaj la tonfalo de la lingvo ktp.: ĉio ĉi estas objektoj de la muzika eduklaboro. La „vera“ muziko, kiun la infano praktikas, neniam darfas esti „farita“, speciale konstruita por lernejaj celoj; ĝi devas esti kreskinta en la popolo aŭ verkita de veraj majstroj. Kompreneble la lernejo ankaŭ ne povas senelekte uzi ĉiun popularan kaj artan muzikon; ĝi devas elekti laŭ pedagogiaj edukaj principoj. Obscenaj kaj stratkantoj ne trovas lokon en la lernejo, ankaŭ ne la alta sinfonia muziko. Ŝercaj kaj komikaj kantoj povus esti uzataj pli ofte ol ĝis nun.

8. Ankaŭ la moderna l e r n e j a k a n t l i b r o estas tre forte influata de la „lernejo por la vivo“. Ĝi ne plu estas nura kompendieto, kolekto de tekstoj kaj melodioj; sed ĝi estas arte presita libro por la domo, kiu ankaŭ post la lerneja tempo estu uzata kun vigla intereso. Ĝi ne plu enhavas metodajn ekzercojn, sed abunde kantojn diverse aranĝitajn, instrumentajn akompanaĵojn, eble ankaŭ malgrandajn memstarajn instrumentajn pecojn,

mallongajn tekstojn por infana melodi-improvizo, ilustraĵojn kaj bildojn pri instrumentoj kaj pri eminentaj majstroj en la muziko, mallongajn notojn pri ties vivo kaj verkoj ktp.[2]) Menciindaj estas ankoraŭ la tendencoj, anstataŭigi la kantlibron per unuopaj kantfolioj aŭ igi la infanojn, mem fari sian kantolibron.

9. Ankaŭ la celo de la lerneja muzikinstruo tre multe ŝanĝiĝis. Oni ne povas ĝin formuli pli bone ol la prusaj direktivoj: „La muzikinstruo pleniĝu la vivon de la lernantoj per ĝojo kaj gajeco; ĝi veku emon kaj amon al la muziko kaj tiel montru al la infanoj la vojon en la mondon de la germanaj kantoj kaj de la germana muziko. La muzikinstruo do evoluigu la muzikajn fortojn kaj ĝermojn, kiuj kuŝas en la infano, kaj helpu al la harmonia klerigo de la junularo. La ĝojo pri propra kantado kaj muzikado estas tiel vekenda kaj konservenda vigla, por ke la infanoj kapabliĝu, post la lernejа tempo interese partopreni en la muzika vivo". — Kion faras la lernejo, por prepari la partoprenon en la muzika vivo dum postaj jaroj?

10. Ĝi devas unue kulturi la voĉon de la infanoj, ne nur la kantvoĉon, sed ankaŭ la parolvoĉon. En tio la instruisto povas akiri tre bonajn sukcesojn, se la voĉkulturon li rigardas principo de la tuta instruado. La elementa leginstruo montras la ĝustan formadon de la sonoj kaj ilian kunligon, por formi silabojn kaj vortojn. La instruo pri la gepatra lingvo aldonas artikadon, melodion, ritmon kaj montras, kiel oni atingas la estetike plej bonan rezulton per la plej malgranda kvanto da spiro, forto kaj pozo. Per tio kune estas atingata la plej granda nestreĉo de la voĉo. La kantinstruo intensigas ĉiujn ĉi ekzercojn. Ĝi solvis sian unuan gravan taskon, se ĝi deigis la infanon de ĝia unua primitiva estetika idealo (kanti laŭte estas kanti bele). Klasa, grupa kaj unuopula kantado alternas. Oni ne plu devigas la plej muziktalentajn infanojn, nekonsiderante la naturan alton de ilia voĉo, kanti la malaltan duan aŭ trian akompanan parton, sed la akompana melodio estas polifone kondukata. Ĉu oni igu la infanojn kanti dum la mutacio, pri tio ankoraŭ disopinias eĉ la fakuloj.

11. La kono de la notskribo ne plu estas problemo por la ĝuste kondukata lerneja muzikinstruo. Sed ĝi ne darfas resti nura lern- kaj memortasko. Ĝi estas preparata per aŭdekzercoj, eble ankaŭ per intuo al diversaltaj tonoj (helpe de fajfiloj, sonoriloj). La movo de la melodio estas akompanata de levo kaj mallevo de la brakoj, tiuj movoj estas desegnataj sur paperon, sur la tabulon ktp. Unu metodo donas la kompletan notoskribon al la infanoj; ĉar ili ja vidas ĝin ĉiam ĉe la plenkreskintoj; la kompreno estas donata poste iom post iom. Aliaj metodoj preparas la notskribon per helpiloj (ciferoj, silaboj ktp.).

12. Tiuj metodoj penas, atingi nepre certan tontrafon. De kio dependas tiu? Ĉu la ordinara homo aŭdas la tonojn de melodio unuope laŭ ilia absoluta alto aŭ laŭ ilia relativa alto, nome relative al centra tono? Por ni (komp. § 1) ne estas dubeble, ke la rilatigo de la tonsinsekvo al la

---

[2]) La vojojn al tiu celo unue montris:
Jöde: Der Musikant (kun multaj kompletigaj kajeroj); Wolfenbüttel, Kallmeyer.
Oesterreichisches Liederbuch (ĝis nun 3 volumoj); Wien-Leipzig.
Diekermann: Lied und Leben; Hirt, Breslau.
La Zwickau-a kantlibro „Singen und Fröhlichsein"; Klinkhardt, Leipzig.

toniko estas multege pli grava ol la rilatigo al la normtono „a". Tial estas malakceptinda la ton-vort-sistemo de Eitz, kiu per siaj silaboj eĉ volas forpuŝi la uzatajn nomojn de la notoj! La popollernejo uzis longan tempon la metodon de la ciferoj (ĝi ne estas jam tute formortinta); oni nomis la tonojn laŭ ilia distanco de la toniko per la ciferoj 1—8. Sed la cifernomoj ne bone taŭgas por la kantado, ĉar ili havas tro multe da konsonantoj. Pli konvenaj estas tonnomoj, kiuj uzas ĉiujn vokalojn, la plej oftajn konsonantojn nur komence de la silaboj. Tion faras ekz. la tre disvastigita tonika-do-metodo. Ĝi havas ankaŭ treege bonan helpilon: mansignojn. Karakterizaj pozoj de la manoj, fingroj kaj de l' brako simbole prezentas la interrilatojn de la tonoj. Tiuj movoj devas ĉiam esti farataj de la infanoj dum la kantado.[3])

13. La perlabora akiro de kompreno de l' ritmoj okazas plej bone (komp. § 2) helpe de korpomoviĝoj, kion modele montris Jaques-Dalcroze. Ankaŭ la parolata vorto povas bone helpi. Tial tonika-do kaj R. Münnich en sia „Jale-sistemo" eltrovis specialan taktlingvon. Sed plej grava restas la interniĝo de la korpaj kaj lingvaj movoj, kiu ne estas atingebla sen la malnovaj rimedoj: batado kaj frapado.

14. Por la metoda pritrakto de kanto malgraŭ multaj provoj skemon ĉiam uzeblan oni ne povas trovi. La metodo uzita dum jarcentoj: „modelfari — imiti" rajte pluekzistos en la elementa ŝtupo kaj en la supra ŝtupo tiam, kiam ne temas pri teknika progreso, sed pri la arta valoro de verko. Teknikaj ekzercoj povas eble sekvi la kantpritrakton. Ili neniam mortigu la ĝojon pri la vivanta muziko kaj ne forprenu tempon necesan por vivanta muzikpraktikado. Tasko de la popollernejo ne estas, doni teorian scion pri la muziko, sed la muzika agado en ia formo. La lasta celo de ĉiuj metodaj penoj restos la memstara perlabora akiro de simpla, populara melodio per la infanoj.

15. Por realigi ĉiujn ĉi menciitajn reformojn, estas bezonata instruistaro bone preparita por la muzikinstruo. Ĉar la instruistoj nun akiras sian scion en la universitato, ilia muzika edukiĝo venis en fortan krizon. La instruistoj de la pasinta tempo havis multe pli da muziklecionoj. Ĉu la kvanta minuso povos esti kompensata per ŝanĝo de la labormaniero, aŭ ĉu tiel eĉ estas atingebla pluso, tion montros la estonteco. Certe estas, ke la okazoj por muzika plisciiĝo[4]) devas esti pliperfektigataj kaj pli multe uzataj ol ĝis nun. En la metoda literaturo oni rimarkas aspiron al scienca fundamentigo kaj enprofundiĝo. Tion atestas plej bone la du grandaj verkoj de Georg Schünemann „Geschichte der deutschen Schulmusik" (historio de la germana lerneja muziko) kaj „Musikerziehung" (muzikeduko). De la dua verko aperis ĝis nun nur la unua parto. Ambaŭ verkoj estas eldonitaj de Kistner & Siegel, Leipzig.

Trad. Paul Bennemann.

---

[3]) Komp. Dieckermann: Der Musikunterricht in der Volksschule; Hirt, Breslau 1929. Jöde: Elementarlehre der Musik, gegeben als Anweisung im Notensingen, Kallmeyer, Wolfenbüttel 1927.

[4]) Eble laŭ la maniero de la „Reichsschulmusikwochen" (la raportoj pri ili donas bonan superrigardon de ĉiuj reform-movadoj en la lerneja muziko; ili aperis ĉe Quelle & Meyer, Leipzig).

# Internacia infankorespondado.

Walter Hahn, Gohlis-Dresden.

La sekcio de la progresintoj en mia Esperanto-klaso komencis la jarlaboron sendante leterojn al la eksterlandaj geamikoj. Ili enhavis diversspecajn demandojn, kies celoj estis, ke la ricevotaj respondoj estu utilaj al ni ĉe la dumjara laboro. 19 tiaj leteroj forflugis tra la landoj kaj maroj al Esperanto-klasoj kaj geamikoj, kun kiuj la korespondado estis aranĝita. Por fari al la ricevontoj apartan ĝojon kaj emon respondi, ni forsendis samtempe belajn kaj interesajn presaĵojn, ekz. bele ilustritan gvidlibron tra la Zittau'a montaro, Gvidfolion de Dresden, Esp.-prospekton de la Higieno-muzeo en Dresden, Goethe-prospektojn pri Weimar kaj Frankfurt, ambaŭ esperantlingve, la gazeton „Junularo kaj mondpaco" ktp.

La respondleteroj venis tre baldaŭ, kaj hodiaŭ riĉa materialo estas la ĝojiga rezulto. Leteroj kun interesaj sciigoj pri la faritaj demandoj kaj kun bonegaj bildoj estas alvenintaj el Skotlando, Nederlando, Francujo, Finnlando, Kanado, Usono, Japanujo kaj Borneo. La belaj bildoj de indiĝenoj el Nordborneo kaj de Amerikaj indianoj, la kvazaŭ plastikaj landkartoj montrantaj la regionojn de la Kanadaj lagoj, bildoj de la nubskrapulaj urboj en Usono kaj de la petrolregiono Long Beach vekis grandan intereson. La plej fortan impreson faris du egaj 8 metrojn longaj fiŝoj el dukolora tolo, kiuj laŭ la deziroj de la Japanaj donacintoj pendflugnaĝas en la aero kiel flagoj sur la mastoj de nia lernejo. Tiuj novaj alvenintaĵoj bone kompletigas la materialon de la pasintaj jaroj, tiel, ke ĉiuj kontinentoj sin riĉe reprezentas en nia kolekto.

Jen la tekstoj de kelkaj leteroj!

Watsonville, Kalifornio, 17. 10. 32.

Kara Hildegard!

Vian leteron al Betty ŝi donis al mi por respondi. Betty iris al nova hejmo kun sia patrino, kiu reedziniĝis. Ili nun loĝas en la norda parto de Kalifornio en la montoj La nova patro havas bov-ranĉon tie, kaj Betty havas ĉevalon por rajdi. Oni diras, ke la cervoj venas en la kampojn apud la domo, ĉar nur malmultaj loĝas tie. Malmultaj homoj, mi intencis diri: multaj cervoj.

Vi havas bonan planon demandi. Hodiaŭ mi respondos pri la temo ekonomia. — Watsonville estas urbeto 4 mejlojn de la Pacifika oceano. La ĉefa okupado estas agrikulturo: Pomoj, salato, beroj de pluraj specoj, legomoj. En la urbo estas granda pakejo (packinghouses) kaj malvarmkonservejo (cold-storage plants) kaj sekigejo (dryers). Antaŭe oni diris, ke multaj sekigitaj pomoj iris al via lando, sed nun la tarifo kaj la ekonomia krizo faras la komercon tre malbona. Tie ĉi ĉe nia bieno la prezoj de pomoj ne sufiĉas pagi por la laboro. En aliaj jaroj la prezoj de pomoj estis 20 aŭ 30 aŭ eĉ 40 dolaroj potune; ĉijare ni vendis por 6.25 dolaroj. Aliatempe ni pagis por rikolti la pomojn 6 aŭ 7 cendojn po skatolo; nun ĝenerale nur 2½ cendojn. La laboristoj kamparaj apenaŭ povas vivi kaj la farmposedantoj ne povas pagi impostojn kaj rentojn. Multajn bienojn la bankoj prenis, sed la bankoj ne deziras havi ilin, ĉar ili estas ankaŭ por la bankoj perdo. — Tomatoj estas preskaŭ nevendeblaj. Fojno estas vendebla nur je tre malalta prezo; 8 aŭ 9 dolaroj anstataŭ 15 kiel en antaŭaj jaroj. — Niaj gravaj havenoj estas San Francisco, San Pedro, la haveno de Los An-

geles kaj en la suda parto San Diego. Mi bedaŭras diri, ke el ĉiuj havenoj nun estas eksportataj municio de milito al Japanujo.

Kore salutas

via amikino

Nell Higman.

Jen letero de skota kolego kaj amiko, instruisto en Glasgow, kiu depost multaj jaroj korespondas kun miaj gelernantoj, kun kiuj li persone konatiĝis dum kelkfojaj vizitoj. La ricevinto estas 13-jara knabo. La skribaĵoj de s-ro Kennedy estas kvazaŭ lecionoj lertegaj en formo de interesaj leteroj. Ankaŭ aliaj alilandaj gekolegoj volonte helpis al mi per tiaj valoregaj servoj.

Glasgow, 12. 6. 32.

Kara Helmut!

Koran dankon por via ĵus ricevita letero! Unue mi devas gratuli kaj komplimenti vin pro via bela skribmaniero. Vi certe povas nun esprimi vin en bona Esperanto per belaj literoj! Sed! Vi estas demandulo! Vi sendis tiom da demandoj, ke mi bezonus kelkajn librojn, por plene respondi ilin. Tamen: vi volas aŭdi ion plu pri mia bela hejmlando, Skotlando, do mi skribas nun al vi kelkajn sciigojn.

Kiel vi jam scias, Glasgow estas la plej granda kaj grava urbo en Skotlando, kvankam ĝi ne estas la ĉefurbo (Edinburg). Ĝi ne ĉiam estis la plej grava, kaj por ĝia nuna progreso kaj kreskado devas esti kialo. Fakte, por la ekzistado kaj situo de ĉiu grava urbo ĉiam estas interesa klarigo. Glasgow antaŭ centoj da jaroj estis nur vilaĝo apud transirejo de la rivero Clyde (parolu Klajd), kiu tiam estis malgranda kaj malprofunda rivero. Komercaĵoj por Glasgow, kiuj alvenis ĉe la marbordo de fremdaj landoj, estis portataj al G. pere de azenoj laŭlonge de riverborda vojeto, vojaĝo de proksimume 20 kilometroj. Kiam oni eltrovis la novan mondon, Ameriko, kaj granda komercado kun Skotlando komenciĝis, la komercistoj de Glasgow decidis kapti kiom eble plej multon de tiu komercado. Sed jen barilo: la malfacila vojo de la maro al Glasgow, malrapida sur la lando kaj eĉ pli malrapida sur la rivereto mem. Kion fari? Estis je tiu tempo du proponoj: aŭ konstrui kanalon de Glasgow al la maro, per kiu la grandŝipoj povus atingi G. mem, aŭ profundigi la riveron. Oni post pripensado decidis profundigi la riveron Clyde. Sed dum tiu labore, kelkajn kilometrojn de G., oni trovis ĉe la fundo de la rivero tre gravan malfacilaĵon: grandegan rokan subteraĵon, kiu verŝajne barus la vojon. Oni demetis la fosilojn kaj komencis la atakon per pulvo kaj eksplodoj, kaj fine oni forblovis la rokon — sed tiu tasko okupis 30 jarojn ! ! Nun la rivero estas profunda, tiel profunda, ke eĉ la plej grandaj ŝipoj povas atingi nian urbon. De tiu venko je la roka fundo datumas la kreskado de G. de vilaĝo ĝis urbego.

Sed tio ne estas la sola kaŭzo de la grandeco kaj graveco de la urbo. En Britujo ekzistas 12 karbregionoj, kaj 3 el tiuj troviĝas en Skotlando. Du karbdistriktoj estas proksime de G. kaj pro tio G. baldaŭ fariĝis grava industria urbo, kun ŝipkonstruado kaj inĝenierarto sur la Clyde kaj aliaj gravaj industrioj en la urbo mem. G. havas favoran situacion rilate al Ameriko, ĉar ĝi troviĝas sur la okcidenta flanko de Skotlando, do estas oportuna por la Amerika komercado. Fakte, se oni volas vojaĝi al Kanado aŭ Usono, oni enŝipiĝas en Glasgow-haveno.

Mi ne diras, ke G. mem estas bela urbo. Ĝi certe estas tre interesa, sed ne bela, ĉar en ĝi troviĝas tro da kamentuboj kaj fumo. Sed proksime de G. estas unu el la plej belaj partoj de la mondo. Kie la rivero eniras en la maron, estas regiono kun

lagoj, markoloj, insuloj ktp., vera paradizo, la libertempejo kaj ludejo de la Glasgow-anoj. Tiu regiono laŭ mia opinio meritas ĉiujn landojn. Oni bezonus semajnojn, eĉ jarojn, por esplori tiujn mirindaĵojn.

Pri la popolo en Skotlando mi ne povas diri multon. La Skotoj sufiĉe alproksimiĝas en tipo kaj karaktero al la popolo en Saksujo, kaj estas nur unu grava diferenco: la lingvo. Pere de Esperanto tiu diferenco ne plu ekzistas por ni, kaj tio parte klarigas la fakton, ke vizitante Saksujon mi ĉiam sentas, ke mi ne estas tre malproksima de mia propra hejmo.

Antaŭ ol mi enpoŝtigos la leteron, mi penos trovi por vi kelkajn bildojn de Skotlando, kaj tiam, kiam estonte karavano de Esperantistoj sub la estrado de mia amiko, via instruisto, vizitos mian landon, vi serĉos la lokojn montratajn sur tiuj kartoj.

Nun, jen la fino. Mi sendas al vi, al via „malgranda" fratino kaj al miaj aliaj geamikoj en Gohlis plej koran saluton.

Sincere via Skota amiko

David Kennedy.

## Jen letero el la sudfranca vilaĝo Chapaize.

Karaj Kamaradoj!

Ni deziras scii tion, kion vi faras ĉe vi. Ni loĝas en vilaĝeto aŭ en ĝiaj najbaraj domaretoj. Chapaize (Ŝapez) estas ĝia nomo. Proksime estas montetoj. Preskaŭ ĉiuj loĝantoj estas terkulturistoj aŭ vinberkulturistoj. Por alveni en la lernejo je la duono post la oka ni foriras el la domo je la oka. Ni estas 33 gelernantoj en la lernejo, 22 knaboj kaj 11 knabinoj. Ni ĉiuj estas en la sama ĉambro, sed la plej junaj, la malplej kaj la mezaj faras tri kursojn.

Ĉar preskaŭ ĉiuj loĝas malproksime, ni manĝas lerneje. Ni kuiras supon. Je la deka dum paŭzo kvar el la plej fortaj iras kun du verŝiloj kaj prenas akvon el fonto malproksima je 200 metroj. Dume la knabinoj pretigas la legomojn; ili senŝeligas la terpomojn, enmetas brasikon kaj poreon, kaj la supo kuiriĝas dum ni lernas. Je 11½ ni pretiĝas manĝi, la mastro disdonas la supon. Post la manĝo la knabinoj purigas la teleraron, sekigas ĝin kaj metas ĝin orde sur tablon. Poste la knaboj surrosigas la plankon, malfermas la fenestrojn kaj balaas. Unu iras por forĵeti la balaitaĵojn, la aliaj ordigas la tablojn kaj viŝas polvon. Ni iras sur la korton kaj ludas. Niajn ludojn ni nomas „bar-ludon", „kaŝejon" kaj „alte starantan kokinon". Posttagmeze ni lernas de la unua ĝis la kvara. Ofte estas nokte, kiam ni alvenas en la gepatra domo.

Diru al ni ankaŭ tion, kion vi faras ĉe vi. Ni skribos ankoraŭ multon pri nia vivo.

Ni salutas vin kamaradece.

Grignon René.

## Fine ankoraŭ kelkajn leterpartojn de la plej junaj gelernantoj el la sama franca vilaĝa lernejo.

„Dimanĉe mia patro iris al Kormatin. Li aĉetis porketon, kaj kiam li revenis, li kondukis la ĉevalojn en la herbejon. Nokte mi iris kun li, por rekonduki en la stalon. Mi kondukis la blankan ĉevalon, la patro la nigran."

„Ni ludas ĉason. Niaj pafiloj estas bastonoj. Ni mortigas vulpojn, leporojn kaj eĉ apron. Sed ili nur estis ŝtonoj."

„Hieraŭ vespere post la lernejlaboroj mi donis la manĝaĵon al miaj kunikloj. Mi

havas 6 kuniklojn; ili estas belaj, grizaj. Mi ŝatas ilin multe kaj ankaŭ ilian patrinon. Mi donas al ili trifoliojn kaj brasiketojn. Ili tre rapide manĝas."

„Dum la vintraj liberterapoj ni glitkuras en nia herbejo. Oni falas, sed tio ne estas grava; oni restariĝas kaj daŭrigas. Kelkfoje, kiam unu falas, la piedojn supre, ni multe ridas."

Legante la leterojn oni ne dubos, ke ili estas bonege uzeblaj dum la instruado. La vivoplena enhavo fariĝas kvazaŭ efektiveca fundamento, sur kiu estas facile konstruebla ĉio, kion postulas la plano de la diversaj instrufakoj. La novaj scioj baziĝantaj sur tiu memakirita fundamento reprezentas pli valoran kaj restantan posedaĵon ol aliaj ofte tre teoriaj instrurezultoj. Ankaŭ la ĉarmaj rakontoj de la malgrandaj Francoj havas sendube sian apartan valoron kaj ĝojigas la legantojn.

Ebligante la korespondadon ni malfermis la mondon al niaj gelernantoj. Kun ĝojo ili uzas tiun ĉi bonŝancon, ĉar la leterŝanĝo plenumas samtempe iliajn privatajn dezirojn, ekz. la kolektadon de poŝtmarkoj kaj objektoj, la interŝanĝon de bildoj, manlaboraĵoj ktp.

La etika flanko de la internacia infankorespondado estu pritraktata en alia artikolo.

---

# La pedagogia literaturo en Bulgarujo dum la jardeko 1920—1930.

De D-rino Zoja Stavreva, V. Tirnovo, Bulgarlando.

Post la milito nia literaturo pedagogia preskaŭ tute ekmortis. La materia premo, sub kiun falis la bulgara instruistaro, ne permesis ĝin subteni ian ajn literaturon. Ĝi restis bona leganto, sed ne aĉetanto. Tial nur kun granda risko oni kuraĝis eldoni verkojn pedagogiajn.

La plej ampleksa kaj grava pedagogia libro aperigita dum tiu ĉi jardeko estas la verko de l' profesoro je pedagogio D-ro P. Conev: „Teorio kaj praktiko de l' klerigo" — 1929. En tiu ĉi verko prof. Conev pritraktas kaj pripensas ĉiujn gravajn demandojn pedagogiajn, atentante laŭcele la plej novajn pedagogiajn tendencojn kaj provojn.

La unua demando, kiun P. Conev traktas, koncernas la esencon de l' instruado sub rubriko: didaktika teleologio. La esenco de l' didaktika teleologio, laŭ P. Conev, konsistas en la demando pri la celo de la klerigo. En tiu ĉi rubriko li superrigardas la idealojn pri la klerigo dum pasintaj centjaroj kaj nun, kaj rekomendas la anglajn kaj amerikajn, ĉar en Anglujo kaj Usono ĉiuspecaj lernejoj estas ankaŭ edukejoj. P. Conev montras la komprenojn kaj konceptojn de l' nuntempaj pedagogoj: Kerschensteiner kaj John Dewey, kies klerigidealo estas viva komuneco kun profesia kaj krea klopodlaboro. Tiel P. Conev difinas la celon de l' klerigo — harmonie evoluinta persono, kiu laŭ siaj fortoj klopodas higiene en profesio laŭ sia talento, por esti utila al patrujo kaj homaro, kaj kiu persono trovas nur en tiu ĉi agado sian feliĉon. Post tio ĉi P. Conev traktas la didaktikajn rimedojn. Tie ĉi li traktas la lernprogramon kaj lernhelpaĵojn ĉe la instruado kaj akcentas tre energie la principon de l' intuo. Traktante la klerigvaloron

de l' instrufakoj, P. Conev defendas la moralinstruon kiel novan instrufakon, kiun oni devas enskribi en la programon de niaj mezgradaj ĝeneralklerigaj lernejoj. En tiu ĉi sama rubriko de sia libro P. Conev montras fremdajn instruprogramojn por fundamentaj kaj mezgradaj lernejoj kaj rekomendas, ke oni disvolvigu niajn gimnaziojn laŭ amerika spirito, ĉar amerikaj gimnazioj havas pli da instrufakoj kun praktika valoro.

Alia grava ĉapitro de l' libro estas — didaktika analizo, kiu ampleksas la laboron instruistan kaj lernantan laŭ teleologia, higiena kaj metoda vidpunktoj.

De la instrumetodo estas partigita ankaŭ alia ĉapitro — ekstera instrumetodo (dogma kaj heŭristia formoj) kaj interna instrumetodo (instruvojo kaj instrunormoj aŭ „formal-ŝtupoj"). Li rekomendas la formal-ŝtupojn de Lay (observo, prilaboro — pensa kaj senta — kaj esprimo aŭ uzado).

La kvara ĉapitro temas pri edukrimedoj, akcentas la valoron de l' kontrolo, de l' rekompencoj kaj punoj; detale estas traktita la persono de l' instruisto. La demando pri la ekzamenado ankaŭ ne estas forgesita. P. Conev rekomendas la individuajn libretojn kaj karakterizojn, kaj por la ekzamenoj li volas, ke oni enkonduku laborajn ekzamenojn.

En la ĉapitro — ekstera skola organizo, P. Conev traktas la demandon pri l' klerigo en la antaŭlerneja aĝo. Tie ĉi li montras fremdajn skol-sistemojn, kaj donas modelon por tia sistemo ĉe ni: 6 jarojn fundamenta skolo, 6 jarojn mezgrada skolo (ĝeneralkleriga supera kurso) kaj 4 fakoj kun aldonitaj instrufakoj, inter kiuj estu sociologio kaj moraleduko.

La problemoj pri unueca skolo, instrufaka aŭ klasa sistemoj de instruado, profesia informado, k. a. estas traktitaj en ĉapitro — interna skola organizo. Kaj plejposte estas traktitaj administrado, materia subtenado kaj kontrolo de l' lernejoj.

La libro enhavas aldonon kun provlecionoj pri ĉiuj instrufakoj en ĉiuj skolaj specoj — unuagradaj, antaŭgimnaziaj kaj gimnaziaj.

En la lastaj jaroj ĉe ni, kiam la respondecajn oficojn el la klerigregiono oni alllasis al personoj sen necesa pedagogia preparado, la didaktiko de P. Conev estis „surskribtabla" libro por multaj lernejaj inspektoroj kaj direktoroj, kaj ankaŭ ne malpli utila por la geinstruistaro en unuagradaj kaj mezgradaj lernejoj.

Valora dono al nia literaturo pedagogia estas la verko — „La intelekta laboro de l' gelernantoj mezgradlernejaj laŭ didaktika vidpunkto" de D-ro M. Geraskov, profesoro de la universitato en Sofio — 1923. En tiu ĉi verko la aŭtoro traktas la kondiĉojn, de kiuj dependas la intelekta laboro de l' gelernantoj mezgradlernejaj. Li montras kelkajn el tiuj ĉi kondiĉoj: 1. Psiko-fizikaj individuecoj gelernantaj, kiujn la mezgradlernejaj geinstruistoj devas tre bone koni. 2. La laboranta lernejklaso kiel organiza tuto. Tie ĉi M. Geraskov analizas, sub kiuj kondiĉoj la lernejklaso influas bone la laboron gelernantan, poste li montras multnombrajn esplorojn pri la aĝo de 17-a jaro kaj pluaj. Tie ĉi li akcentas, ke 17-jaraj gelernantoj povas jam taksi ne nur la konojn de siaj geinstruistoj, sed ankaŭ iliajn metodojn, ilian karakteron, kaj ke de la geinstruistoj dependas la trankvilo aŭ maltrankvilo de la lernejklaso. 3. La psikologiaj tipoj. El siaj rezonadoj pri tiu ĉi demando la aŭtoro konkludas, ke la miksa tipo estas plej taŭga por nia nuna lernsistemo. La aŭtoro faris esplorojn inter lernantoj, por difini ilian intereson al diversaj instrufakoj. 4. La cirkonstancoj socialaj, lerneja organizo kaj la instruisto, kiujn la aŭtoro nomas — eksteraj kondiĉoj. Traktante la mizerajn hejmajn cirkonstancojn, en kiuj vivas la lernantoj, la aŭtoro opinias, ke la organizon de l' in-

struado oni devos aranĝi laŭ tiuj ĉi kondiĉoj tiel, ke la tutan intelektan laboron oni faru en la lernejo. Laŭ la aŭtoro tre gravan signifon havas la metodo kaj scipovo de l' instruisto en la mezgradaj lernejoj. 5. Kiel lastan kondiĉon M. Geraskov traktas la laborprocedon. La intelekta laboro devas esti kolektiva, kaj ĝi ne estas tia, kiam oni faras la instruadon kiel interparoladon, sed kiam oni donas al tuta lernejklaso aŭ al grupo de lernantoj komunajn temojn kaj taskojn el diversaj instrufakoj. Laŭ sia nuna aranĝo niaj mezgradaj lernejoj pli evoluigas egoismon ol komunecon. Tie ĉi la aŭtoro traktas la opinion de Gaŭdig pri individua klerigo kaj kontraŭdiras lin.

Tiu ĉi libro estas tre valora ne nur pro la ideoj kaj opinioj, kiujn la aŭtoro propagandas, sed ankaŭ pro tio, ke ĝi celas la laboron en niaj mezgradaj lernejoj. Tio ĉi ĝis nun ne estas farita. La konkludoj de la verko baziĝas sur specialaj esploroj pri niaj mezgradaj lernejoj.

*

Ne malgrandan intereson vekas la verko de D-ro Hr. Negencov — „Kolektiva efiko en procedo de klerigo“ — 1927. Por klarigi la problemon de kolektiva efiko ĉe la klerigo, Hr. Negencov aranĝis sian verkon jene:

I. Karakterizo de psikologio de l' amaso.
II. Evoluo de kolektiva konscio de l' infanoj.
III. Karakterizo de psikologio kaj sociologio je klaso lernula.
IV. Komparo inter unuopa kaj kolektiva laboroj.

La kolektiva konscio de l' infanoj apartiĝas tiel:

1. En antaŭlerneja aĝo (ĝis 7-a jaro). Ĉe la plej junaj ĝi manifestiĝas per kamaradeco, ĉe la pli aĝaj — per la deziro, esti nur inter konatuloj, ĉe ankoraŭ pli aĝaj — per tendenco, partopreni en komunaj faroj, kaj per amo al ordo kaj disciplino.

2. Antaŭ seksomaturiĝo (ĝis 14-jara) la infano deflankiĝas de plenaĝuloj kaj la kolektiva konscio manifestiĝas per forte disvolvita sento de solidareco, ŝatado de kamarada opinio, k. a. La infano ĝenerale estas tute englutata de l' grupo.

3. Dum la maturiĝo seksa. Kolektiva konscio manifestiĝas per tendenco, ke la infano estu faktoro, posedu potencon, estu valora por aliaj. La socio de plenaĝuloj jam ne kontentigas la infanojn kaj ili serĉas propran societon, inter kiu la junula persono devas elstari.

Post tio ĉi, la aŭtoro traktas la psikologion de lernanta klaso kiel plej ordinara geinfana grupo, per kiu oni povas klarigi la problemon de la kolektiva influo en la procedo de klerigo. Laŭ opinio de l' aŭtoro, la lernanta klaso ne estas amaso, sed unu „persono“ kun difinitaj kvalitoj („spirito“ de l' klaso, konduto de l' klaso).

Kiel kondiĉojn por formado de la klaso la aŭtoro montras du specojn: eksterajn kaj internajn.

1. Eksteraj kondiĉoj: La lokaj cirkonstancoj, la sociaj grupoj, el kiuj devenas la infanoj, semajno, lernejo, lernantaj societoj, la cirkonstancoj de la klaso.

2. Internaj kondiĉoj: La imago de la grupo pri ĝiaj apartaj membroj, ĝia rilato al aliaj grupoj, tradicioj, kutimoj, normoj, idealoj k. a.

Fine la aŭtoro traktas la signifon kaj rolon de l' instruisto ĉe kolektiva influo. Li efikas plej per sia amo al la infanoj kaj al sia profesio, per la opinio, kiun havas pri la instruisto la gepatroj kaj aliaj parencoj de l' infanoj, per sia aŭtoritato en la socio, per siaj konoj k. a.

Montrante la preferojn de l' grupa laboro, la aŭtoro trovas, ke ĝi estas pli rapida kaj malpli erara, ke ĝi fortigas la memorkapablon kaj la forton de vola streĉo. Sed la komuna influo malfortigas la atenton, malgrandigas ĝian amplekson, malpliigas la sentemon kaj influas

malbone al obeemo. La kolektiva influo ne estas egala ĉe ĉiuj infanoj, ne estas la sama ĉe la du seksoj, ĉe diversaj aĝoj, kaj ankaŭ ĉe diversaj gradoj de evoluo. Tiuj ĉi estas la pli ĉefaj pensoj en la libro.

*

Notinda estas la verko de Gr. Penĉev, gimnazia instruisto en urbo Kazanlik: „Nuntempaj pedagogiaj postuloj" — 1923. La libro ampleksas 5 ĉapitrojn, en kiuj ĝi montras la plej gravajn demandojn, kiuj ondigas la nuntempan socion. En ĉapitro dua la aŭtoro traktas: „Limojn kaj valoron de la laborskolo" kaj montras, ke kiel ĝenerala pedagogia principo ĝi povas esti serioze kritikata. Realiĝado de la laborlernejo kiel popola, regna lernejo fortigus manlertecon anstataŭ la intelekto. Kaj la organizado de tiu ĉi skola tipo postulas grandegajn elspezojn. Tial tiuj ĉi lernejoj restos nur revo.

En ĉapitro tria la aŭtoro traktas la realan kaj klasikan klerigon ĉe ni kaj opinias, ke la klasikan klerigon oni devas fortigi.

En ĉapitro kvara li traktas la specialan kaj ĝeneralan klerigon. La aŭtoro opinias, ke la mezgradajn lernejojn oni devas reformigi laŭ individuaj specialecoj de l' gelernantoj, pro kio estas necesaj 4 tipoj de mezgradlernejoj: 1. artteknikaj, 2. klasikaj gimnazioj, 3. duonklasikaj gimnazioj kaj 4. — realaj.

En ĉapitro kvina la aŭtoro traktas historie la situacion de l' instruisto (salajro, rolo). Oni multe postulu de instruisto, diras Penĉev, sed oni ankaŭ garantiu al li sufiĉan salajron kaj justan leĝstaton.

De la sama aŭtoro estas la libreto: „Nuntempaj skolaj problemoj" — 1922.

Elirante de la opinio, ke la plej bona skola sistemo en lando estas tiu, kiu plene respondas al la necesoj de la epoko, la aŭtoro traktas la demandon pri reorganizado de la skolo laŭ la kapabloj de la gelernantoj. Poste la aŭtoro pritraktas la demandon pri elekto de estonta profesio de l' junularo.

Unu el la plej malsimpla flanko de l' instru-edukanta agado, nome la demandon pri lerneja disciplino traktas Hr. Petev, lerneja inspektoro, en sia broŝuro „Lerneja disciplino kaj ĝiaj rimedoj". La aŭtoro vekas intereson precipe por tri demandoj: 1. Kiel la disciplino povas ŝanĝiĝi en memdisciplino, 2. Intelektualismo (reprezentanto Herbart), la skolo por libera eduko (reprezentanto Rousseau kaj aliaj), kaj — la skolo de gelernanta memregado. 3. La persono de l' instruisto kiel ĉefa faktoro por sukceso pri eduko kaj instruo.

Kvankam la libreto estas malgranda, ĝi enhavas sufiĉe gravajn pensojn kaj multajn ekzemplojn el instru-eduka praktiko de l' aŭtoro.

*

Tre gravan problemon pritraktas N. Avramov en broŝuro titolita „Pri deviga eduko de malfacile edukeblaj kaj krimaj junuloj". La broŝuro estas eldonaĵo de „la societo por batalo kontraŭ la krimeco" — 1925.

Ĝi estas ĉe ni la unua libreto traktanta tiun gravan demandon. Rigardinte, kiel oni faras en aliaj landoj tiurilate, la aŭtoro klopodas, utiligi tieajn spertojn por niaj kondiĉoj. Li opinias, ke la ŝtato devas forpreni en specialajn edukejojn ĉiujn infanojn, kies gepatroj ne povas aŭ ne volas mem plenumi sian edukdevon.

La libreto prezentas specialan intereson por tiuj, kiuj havas respondecon pri la eduko de nia junularo.

*

Tre laŭtempan demandon pri nia reala vivo priparolas Prof. D-ro Conev en sia libro „Metodoj por morala klerigo" — 1929.

Li traktas en tiu ĉi libro jenajn demandojn: 1. Difektoj en nuna kleriga praktiko, 2. Fundamentaj problemoj, 3. Ideo kaj celo de l' morala klerigo, 4. Moral-

klerigo en historia klarigo, 5. Lernmaterio, 6. Spontanea moralklerigo kaj 7. Aktiva moraleduko.

Traktante la difektojn de nia nuna kleriga praktiko P. Conev opinias, ke la moraleduko en la nuna skolo estas ne kontentiga, ĉar ĝi ne estas laŭ psikofizika naturo de la gelernantoj. Oni tro fidas al magia forto de la aŭtoritato eĉ ĝis la lasta supera klaso, por impulsi la volon al ago kaj formi karakteron.

En ĉapitro — fundamentaj problemoj — la aŭtoro montras la kutimojn kiel aferojn de la volo. La moralo do estas kutimado de la volo, por ke ĝi deziru kaj faru la bonon.

*

Ĉe ni oni skribas multe en la perioda gazetaro pri la valoro de l' aktiva principo en la instruado. Sufiĉe detale kaj kritike estas traktita tiu ĉi demando de Prof. D-ro M. Leraskov en lia libro: „La gelernanta memaktiveco kiel didaktika principo". La libro estas represaĵo el jarlibro de la universitato en Sofio — historia-filologia fakultato — 1927.

La sama demando, sed pli kiel historia studaĵo estas traktita de Prof. Nojkov (jam mortinta) en lia libro: „Lernado laŭ aktiva klerigo" — 1926.

Prof. Geraskov traktas, kiel jam mi diris, tiun ĉi demandon pli kritike, por ke oni vidu, ĉu estas ebla en praktiko la aktiva principo.

Traktinte la verkadon kiel unu el la plej superaj formoj de la homa agado, la aŭtoro faras historian resumon de la ideoj pri aktiveco, memagado kaj verkado en didaktiko kaj trovas, ke ili komencas en la 16-a kaj 17-a jarcentoj, dum la tempo de Montaigne, kaj pli poste estas pli forte akcentitaj de Comenius, J. J. Rousseau, Salzmann, Kant, Pestalozzi, Fröbel, Diesterweg k. a.

Kiel nunan plej kuraĝan defendanton de l' aktiva principo la aŭtoro montras la famekonatan profesoron en Ĝenevo — Ad. Ferrière, kiu per sia „aktiva lernejo" anstataŭigas la ideon — „labora lernejo". Post tio la aŭtoro traktas ankaŭ kritike la germanajn pledantojn de l' aktiva principo — Gaŭdig, kiu komprenas la laboran principon kiel spiritan aktivecon, Kerschensteiner kaj radikalajn lernejajn reformantojn, kiuj postulas, ke la lernejo kreu aktivajn homojn".

La aŭtoro traktas post tio la praktikajn provojn pri uzado de la gelernanta memagado kaj produktado en la instruo kaj la novajn reformlernejojn aperintajn pro tiuj provoj — ekzemple: 1. La libera lernejo de Leo Tolstoj; 2. La lernejo de Roches, fondita en la jaro 1899 de Demmolen; 3. La provlernejo de John Dewey en Usono; 4. La lernejo en urbeto Winetka apud Chicago laŭ Dalton-plano; 5. La lernejo de l' instruistino Helen Parkhurst.

Traktante la instigojn de la infana agado, la aŭtoro montras kelkajn el ili: 1. honoramon kaj memamon; 2. imitadon; 3. ludon, kiel unu el plej ĉefaj formoj de agado infana.

El gelernantaj tipoj M. Geraskov rememorigas: timemajn, mallaboremajn, nervozajn, kaj kiel individuajn diferencojn li elmontras la praktike-aktivemajn, la teoriemajn, la konstruistajn, al kiuj apartenas la pozitivkreantaj personoj kaj la utopie-revemaj. Tiuj ĉi individuaj diferencoj kaŭzas ankaŭ diferencojn en gelernanta laboro, tial la instruisto devas instrui laŭ kombina metodo.

La tuta verko de Geraskov estas bazita sur enketo en diversaj lernejklasoj, el kiu oni klare vidas, ke la gelernantoj sin tenas tute ne egale al diversaj instrufakoj kaj ne preferas ĉiuj la saman instrumetodon.

Komprenoble krom tiuj pedagogiaj libroj dum la dekjaro ĉe ni aperis ankoraŭ multe da aliaj — ekzemple — multaj didaktikaj kaj lernolibroj por ĉiuj instrufakoj en diversaj lernejoj. Anstataŭ paroli pri tiuj, mi diros ankoraŭ kelke da

vortoj pri nia p e d a g o g i a p e r i o d a g a z e t a r o.

*

Se ni esceptas la gazetojn: „S a z n a n i e“ (Konscio) kaj „I n s t r u i s t a g a z e t o“ (Učitelski Vestnik), organojn de la du geinstruistaj asocioj, kiuj de tempo al tempo traktas junpedagogian demandon, oni povas diri, ke ĉe ni ne estas gazeto, kiu traktas problemojn pri klerigo kaj eduko. La gazeto „Š k o l a a f e r o“, eldonata de l' ministerio por popolklerigo, havas malmulte da pedagogia karaktero, kaj ĉar ĝi estas eldonaĵo de la oficiala estraro pri klerigo ne esprimas opiniajn kaj komprenojn de la senperaj laborantoj en la klerigaj aferoj.

Tamen ĉe ni estas sufiĉe da pedagogiaj revuoj.

1. El ĉiuj niaj pedagogiaj revuoj la plej malnova estas „Š k o l a r e v u o“, eldonaĵo de la instrukomitato ĉe la ministerio de popolklerigo. En la monato decembro de pasinta jaro ĝi ekzistis la 30-an jaron. Ĉiuj lernejaj bibliotekoj en urboj kaj vilaĝoj ricevas ĝin. Krom oficiala fako, en kiu oni aperigas ĉiujn cirkulerojn oficialajn, ĉiujarajn raportojn de la instrukomitato, raportojn de 'a geinstruistoj senditaj kun speciala ofica komisio en fremdlandon, la revuo enhavas ankaŭ neoficialan fakon, kie aperas artikoloj de niaj plej famaj kaj bonaj pedagogaj profesoroj kaj geinstruistoj. Tial la artikoloj en tiu ĉi revuo estas tre ŝatataj. En la fako — kritikoj kaj recenzoj — oni faras revuon de nia kaj fremda pedagogia gazetaro, kaj — en kroniko kaj sciigoj — oni sciigas novaĵojn el nia kaj fremda socia kaj lerneja vivo.

2. Plej bone konata revuo inter geinstruistaro estas „I n s t r u i s t a P e n s o“ (Učitelska misal), organo de „Bulgara Instruista Asocio“. Ĝi estas nun en sia 13-a jaro redaktata sub sperta gvidado de du el niaj bonaj pedagogaj profesoroj — D-r o M. G e r a s k o v kaj D-r o H r. N e g e n c o v. Ĉiu numero enhavas du fakojn: teorian kaj praktikan. En la teoria fako oni traktas plej novajn pedagogiajn kaj metodajn problemojn priklerigajn, kaj en la fako — „lerneja praktiko“ aperas lecionoj el senpera laboro de la geinstruistaro. Krom tio en la revuo troviĝas sciigoj pri eksterlanda klerigo kaj pri lerneja vivo kaj ankaŭ pri la vivo de niaj apartaj geinstruistaj organizoj.

3. „L i b e r a e d u k o“ organo de la internacia ligo por nova eduko, redaktata de profesoro D - r o K a c a r o v. Ĝi aperis unuafoje en 1922, kiam oni fondis ĉe ni filion de la ligo por nova eduko. Ĝia celo estas, helpi al formado de solida kaj ĝenerala kulturo pedagogia por tiuj ĉi, kiuj zorgas pri la kleriganta agado. La revuo traktas ĉiujn provojn kaj klopodojn de la moderna pedagogio.

Ĝi celas krei novan lernejon, fondita sur libera memfarado kaj memdeciditeco de la infanoj. „Libera eduko“ estas en kontakto kun la homoj de Okcidento, kiuj klopodas por renovigo de la lernejo, kaj kun diversaj reprezentantoj de la nova pedagogia penso kaj praktiko. Tiu ĉi cirkonstanco donas eblon al la revuo, informi sin pri ĉio, kion oni pensas kaj faras pri la klerigo. En tiu ĉi revuo oni publikigas traduke aŭ resume la artikolojn presitajn en la angla, franca aŭ germana organoj de la ligo por nova eduko.

La bulgara geinstruistaro tre ĝoje bonvenigas la revuon „Libera eduko“. Ĝi disvastiĝas ĉiam pli kaj pli, kaj same la anoj de la sekcio por nova eduko ĉiam plinombriĝas pli kaj pli.

4. Grandan mankon en nia perioda gazetaro plenigas la revuo „H e j m o k a j l e r n e j o“, redaktata de D. P. Nikolov, eksgimnazia instruisto. Jam el la nomo de la revuo oni vidas, ke ĝi celas proksimigi hejmon kaj lernejon per klarigo, en ĉiuj familioj, pri ĉiuj klerigproblemoj. Tiu ĉi celo estas tre necesa hodiaŭ ĉe ni kaj tre racia. Utila estas tiu ĉi revuo precipe por gepatroj, ĉar en ĝi ili trovas

solvon de multaj demandoj, kiujn ili devas koni por siaj edukaj klopodoj. La revuo aperis unufoje la pasintan jaron.

5. Por faciligi la ĉiutagan laboron de la geinstruistoj en fundamenta skolo (unuagradaj kaj progimnaziaj), komencis aperi la pasintan jaron en Sofio la revuo „L e r n e j a p r a k t i k o“. Ĝiaj teoriaj artikoloj estas ĉiam ligitaj kun praktikaj lecionoj. En ĉiu kajero de la revuo aperas sciigoj pri la vivo de famaj pedagogoj kune kun iliaj bildoj, ekzemple, M. Montessori, Tomas More, Johannes Rehmke k. a.

6. La revuo „B u l g a r a l e r n e j o“ estas socia—pedagogia revuo, kiun komencis redakti en 1928 D-r o D. M a n o v — eksgimnazia direktoro en Sofio. En tiu ĉi revuo oni traktas gravajn didaktikajn kaj metodajn demandojn, donas konsilojn por praktika laboro de geinstruistoj, kaj serĉas okazojn, por pli faciligi la laboron geinstruistan.

7. „P e d a g o g i a P r a k t i k o“ — redaktoro A. B u r l a k o v — komencis aperi en la jaro 1921. Ĝi enhavas du fakojn: — teorian kaj praktikan. En la praktika fako aperas praktikaj lecionoj.

Prave oni povas diri, ke la disvolvo de nia pedagogia literaturo dependas de tio, kion oni tradukis el okcidenteŭropa pedagogia literaturo. La opinioj de Gaŭdig, Kerschensteiner, Ferrière, M. Montessori, k. a. decidemaj reformistoj, estas konataj de niaj geinstruistoj en plej malgrandaj vilaĝetoj.

La bulgara geinstruistaro, de la profesoro en universitato ĝis porinfanaj geinstruistoj, estas unu el la plej gravaj faktoroj kulturaj en nia lando. La geinstruistoj faris tre grandan klopodon por plibonigi la lernejan aferon kaj veki la konscion en nia popolo por neceso de klerigo. Ili observas kun intereso ĉiujn novaĵojn en la lernejoj de Okcidento kaj faras provojn apliki kaj uzi teorie kaj praktike tiujn novaĵojn ĉe ni.

Tial multaj el niaj originalaj verkoj pedagogiaj ofte prenas fremdajn ideojn. Dank' al tio la bulgara popolo sukcesis dum nelonga tempo krei nun bonan skolan sistemon kaj altigi sian klerigon al enviinda alteco.

Esperantigis: Ivan Valĉanov, Tirnovo.

## Ovide Decroly, Bruselo (Belgujo), mortis la 16-an de sept. 1932

Decroly naskiĝis la 23-an de julio 1871 en Renaix—Ronsse (Belglando). Post la promocio al doktoro de medicino ĉe la Gent-a universitato li laboradis en Berlino. Parizo kaj Bruselo. Li fondis en Bruselo 1901 instruejon por geknaboj nenormalaj kaj spirite malviglaj. Sur tiu kampo li studadis pedagogian psikologion. Ekestis 1907 lia Lernejo por la vivo per la vivo, en kiu li utiligis sian sperton por normalaj infanoj. En la jaro 1912 li estris kurson por pliperfektigo de geinstruistoj. Poste li instruadis ĉe instituto porpedagoga. Depost 1920 li docentis infan-psikologion ĉe la universitato Brusela. Decroly unuigis en la societo La skolo nova homojn, kiuj havis intereson por lia pedagogia maniero. Belguja registaro ekinteresiĝis pri la metoda Decroly-a. En kelkaj lernejoj publikaj de Bruselo oni komencis praktikadi ĝin. Ĉe la internaciaj kongresoj (Calais 1921 — Helsingoro 1929) Decroly kaj liaj disĉiplinoj parolis pri globforma instruado. Vidu la verkon La méthode Decroly de Amélie Hamaïde, 1922 (germanlingve 1928)!

# Por la Internacia Instruado de Historio.

(Vidu IPR 1932, p. 109.)

1. Kio estas la Internacia Konferenco pri la Instruado de Historio.

La Internacia Konferenco starigita en 1932, laŭ la iniciato de s-roj Altamira, Claparède kaj Lhéritier, grupigas ĉiujn asociojn kaj individuojn kiujn interesas la demando pri la instruado de Historio: historiistoj, profesoroj, instruistoj, moralistoj, pacamantoj. Ĝi konstituiĝis kun celo al kuniĝo en komuna laborado, de la ĝis nun disigitaj fortoj, kaj al redaktado de agadprogramo tuj efektivigebla.

Prepara kunsido okazis dum februaro 1932 en Parizo, ĉe la „Institut International de Coopération Intellectuelle (la raporton publikigis la „Presses Universitaires", 49, Boulevard Saint-Michel, Paris V.)

La Konferenco havis sian unuan kunsidon en Hago (30 junio, 1, 2 julio 1932). Ĝi decidis fariĝi konstanta organismo, kaj havi kunsidojn ĉiudujare (la proksima okazos en Madrid, dum 1934), kaj publikigi bultenon.

La estraro de la Konferenco konsistas el:

Prezidanto: Rafael Altamira (Hispanujo);

Vicprezidantoj: Colenbrander (Nederlando), A. Friis (Danujo), Galavresi (Italujo), Glotz (Francujo), Gould (Anglujo), Schmidt (Germanujo);

Helpantoj: Bovet (Svisujo), Carlgren (Svedujo), Domanowski (Hungarujo), Halecki (Polujo), Kassim-Bey (Turkujo), Rawson (Anglujo), Van Kalken (Belgujo), Vignola (Italujo).

Sekretarioj: Brandt (Germanujo), Claparède (Svisujo), Lhéritier (Francujo), Ter Meulen (Nederlando);

Bultena Redakcio: Isaac kaj Lapierre (Francujo).

2. Kio estas la objekto de la Bulteno?

Nuntempe, la diversaj popoloj en la mondo kaj precipe en Eŭropo estas disigitaj ne nur de politikaj limoj kaj limimpostaj baroj, sed de nevidebla murego el reciprokaj miskompreniĝoj kaj ignoroj.

Por renversi la muron aŭ almenaŭ ĝin ekruinigi, ne ekzistas rimedo pli efika ol agi en la instruado kaj precipe en la historia instruado.

Sed, por agi en la historia instruado, la plej taŭga metodo estas kontaktigi la ĉiulandajn instruantojn, eduki ilin cele al interkonatiĝo, interkompreniĝo, kunlaborado; fruntalfrunte ekzameni senĉese proprajn naciajn vidpunktojn.

Tia ĝuste estas la objekto de la bulteno. Temas ne pri forigo el la historia Instruado, de la nacia spirito, sed de ĉiu nacia partieco, de ĉiu tendenca aliformigo de la faktoj, de ĉiu malamikeca spirito kontraŭ la fremdaj popoloj.

Celas pasigi, tra la naciaj edukistaj estraroj, fluon de internacia vivo.

Vidata laŭ tiu angulo, la demando pri historia instruado estas nur aspekto de la nova „Kulturkampf", en kiun Eŭropo kaj la civilizita mondo enkondukiĝis. Ĝi do havas laŭpolitike, altegan gravecon.

3. Kio estos la Bulteno?

La Bulteno aperos kvarfoje pojare; la artikoloj estos publikigataj en sia originala lingvo, kun traduko (franca, angla, germana) ĉiufoje kiam tio aperos necesa kaj ebla, ĉiukaze kun dulingva resumo.

La Bulteno efikos nur se la plej vasta

dissendo estos certigita tra la ĉiulanda instruistaro.

Tiuj du kondiĉoj — traduko kaj vasta dissendo — okazigas altajn eldon- kaj preskostojn; la kotizoj kaj abonoj ne sufiĉos. Tial, la Konferenca Estraro alvokas al ĉiuj registaroj, ĉiuj asocioj, ĉiuj individuoj kiujn interesas la demando pri la historia instruado.

La Bulteno estos ensence laborilo por la instruistoj. Pri ĉiu grava historia demando, ĝi laŭmetode prezentos al kritiko la naciajn instruojn. Ĉiu bulteno enhavas du kritikajn fakojn, unu temantan pri la Antikvaj tempoj, la ceteran pri la Moderna kaj nuntempa epokoj. En ĉiu fako kaj pri ĉiu demando, oni publikigos tipajn eltiraĵojn el la plej disvastigitaj naciaj lernlibroj; por ĉiu lando, la kritiko estos pritraktata de alinaciecaj historiistoj. Tiel, rapide konstituiĝos kvazaŭa historia nova atmosfero, laŭesence internacia.

La Bulteno plue enhavos:

Bibliografian kronikon (precipe pri la lernejaj libroj);

Kronikon pri ĉiuj faktoj koncernantaj la historian instruadon (enketoj, kongresoj, rezolucioj, ktp.);

Parton rezervitan al korespondado kaj al interpedagogiaj kaj internaciaj informoj.

La raporto pri la Haga kunsido estos publikigita en la unuaj numeroj de la Bulteno.

4. Aliĝoj al la Konferenco kaj abonoj al la Bulteno.

La kotizo fiksita je 1 dolaro por la individuaj kaj 4 dolaroj por la naciaj organizaĵoj, rajtigos al la servo de la Bulteno (128 paĝoj en tri lingvoj). La unua bulteno aperos fine de januaro. La kotizojn oni sendu al Lapierre 23, rue des Récollets (Poŝtĉekkonto: 259 41 Paris).

Por la estraro de la Konferenco:

La Prezidanto, R. Altamira, Juĝisto, ĉe la Internacia Kortego en Hago; unu el la sekretarioj, M. Lhéritier, Ĝenerala Sekretario de la Internacia Komitato de la historiaj sciencoj; la Sekretarioj de la Bulteno: J. Isaac, Profesoro ĉe la Liceo Saint Louis, kaj G. Lapierre, Sekretario de la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj.

(Ecole Libératrice 31. 12. 1932.
Tradukis: F. Baronnet)

**Rimarkoj de la tradukinto.** — Ĉu ne estus eble por TAGE, la bultenon de la Konferenco esperantigi la plej interesajn artikolojn kaj publikigi ilin en I. P. R.? Tio ebligus pli vastan diskonigon de tiuj artikoloj en la tutmonda instruistaro, donus al nia revuo plian intereson kaj igus nian Asocion ludi atentindan rolon en la internacia pedagogia kaj pacocela movado.

Aliflanke, tio atentigus la estraron de la Konferenco pri la graveco de Esperanto, kaj eble instigus ilin alpreni nian lingvon en la redaktado de la Bulteno, almenaŭ por la resumo de la ĉefaj artikoloj.

Por atingi tiun celon, estus dezirinde ke la reprezentantoj de TAGE en la malfavorigitaj landoj kies lingvoj ne estos uzataj, protestu kaj petu ke Esperanto estu alprenata samrajte kiel la traduk-lingvoj.

Ĉu TAGE ne povus de nun ekrilati kun la estraro de la Konferenco, pere de siaj reprezentantoj en la koncernaj landoj?

Esperanto povas fari en tiaj internaciaj organizaĵoj tre gravajn servojn, faciligante ties internacian funkciadon kaj dissemante la pacocelajn ideojn por kiuj la Konferenco estis starigita.

Helpu nin, Ĉielo nin helpos.

F. Baronnet, instruisto,
Buxières-d'Aillac
par Neuvy-Sépulcre, Franclando.

# Albanujo kaj ĝia skolo.

I. P. R. estas gastema periodaĵo, kiu ĉiam volonte akceptas artikolojn pritraktantajn pedagogion, instruon, lernejon. Tiufoje, ĉar estas la unuan fojon, ke oni priparolas albanan skolon, ni opinias, ke antaŭ ol ni skribu ties historion, ni devas liveri al la estimataj legantoj iujn sciigojn pri Albanujo mem, mia malgranda kaj preskaŭ nekonata lando!

Antaŭ nur 20 jaroj, Albanujo ne apartenis al la rondo de la sendependaj eŭropaj ŝtatoj, sed estis unu el la multenombraj alirasaj provincoj de la Eŭropa Imperio Otomana. Ŝtato Albana naskiĝis nur kelkajn monatojn antaŭ la proklamiĝo de la granda milito. Nun ĝi etendiĝas 320 km. laŭlonge de la orientaj marbordoj de l' Adriatiko kaj ĝia larĝeco ne estas pli ol 120 km. Norde kaj Oriente ĝi limas kun Jugoslavujo, sude kun Grekujo kaj okcidente ĝiaj bordoj akviĝas en la blu-nigraj ondoj de la Jona kaj Adriatika maroj. Ĝia supraĵo alproksimiĝas al 30 000 kv. km., kaj laŭ la lastjare farita popolkalkulado ĝi estas loĝata de pli ol 1 000 000 da loĝantoj, ĉiuj de nacio albana.

Ion ĝustan pri la historio de l' albanoj bedaŭrinde ni ne havas; ĉio estas perdita en la polvo de miljaroj pasintaj. Oni tamen diras, ke albanoj estas la plej antikvaj loĝantoj de la Balkana duoninsulo, estante la rektaj posteuloj de la Iliroj, kiuj enmigris Balkanan regionon el Azio, eble pli ol dudek jarcentojn antaŭ Kristo. La historiisto Apollonius skribas, ke dum la 13-a jarcento a. Kr. Iliroj formadis regadon sub reĝo Hyll (= stelo). Farllat certigas, ke tiu reĝo „Hyll" mortis en la jaro 1 225 a. Kr. apud la urbo Shkodra. Gobineau en sia „pruvo de la neegaleco de la homaj rasoj" jene parolas pri Albanujo: „De la Iliroj, hodiaŭ nomataj Albanoj, restas popolo kaj lingvo, kiuj, kvankam difektŝanĝitaj, tamen prezentas multajn tuj kompreneblajn strangecojn. Albano, en la vere nacia parto de sia karaktero, bone distingiĝas de la ĉirkaŭaj popoloj." Alia historiisto, bone konanta la Orienton diras: „Vivas en la Balkana duoninsulo popolo, kiu neniam vivis per si mem kaj por si mem, sed ĝia rolo estis, senĉese liveri tra la jarcentoj vivantan materion al la soldataro de la ĉirkaŭaj nacioj. Albanujo estas estinta la tenujo, el kiu ĉerpis Grekoj, Romanoj, Bizancanoj, Turkoj.

Foje, la raso albana, en neorganizitaj amasoj pleniĝadis la malplenejojn, kaŭzitajn de la milito aŭ de la dekadenco de la orienta mondo. Alifoje albanoj personiĝas en granda homo, kies mano (estu Mehmet Ali aŭ Skanderbeg, Pyrrhus aŭ Ali Tepelenli) renversegis tutan mondan angulon kaj premsignis sur la subigitajn popolojn la sigelon de sia genio! Nur dum tiu jarcento albanoj estas reĝoj en Egiptujo, forĝas alies sendependecon en Grekujo kaj sub Ali Paŝa Tepelenli kuraĝas levi flagon kontraŭ la ĉiopova Sultano. Tiuj faktoj devas konigi al ni multajn epokojn de la historio de tiu raso."

Felix Julien diras ke „Albanujo estas la klasika patrujo de la herooj. Homero tie trovis Aĥileon, Grekujo Aleksandron kaj Pio II-a Skanderbeg-on. Kvankam en tiu regiono eĉ religio ŝanceliĝis, tamen io neŝanĝa restis ĉe tiu popolo kaj tio estas la pasio por sendependeco kaj gloro.

Tio estas la elstaranta trajto de la karaktero, la fonto de la heroismo."

Kaj efektive! Se iu alia popolo estus vidinta tiom da militoj, invadoj, katastrofoj kiel albanoj kaj ilia lando, sendube neniu el ili estus restinta ĝis nun. Ni rigardus iliajn postsignojn kaj ne scius, kiu estis la popolo, kiu ilin postlasis. Popolo albana dum la multjarcenta vivo sur la orienta bordo de l' Adriatiko multon estis suferanta, ĉar ĉiam ilia lando estas uzita kiel ponto inter Oriento kaj Okcidento. Oftaj invadoj de fremduloj pli aŭ malpli sovaĝaj, kiuj transiradis Adriatikon el okcidento orienten aŭ reciproke, devigis albanojn forlasi urbojn kaj kampojn kaj ĉiam batalante rifuĝi sur altajn

montojn, kie ilj vivante, konservis siajn tradiciojn, kutimojn kaj precipe lingvon.

Kaj ne estas malmultaj popoloj, kiuj pro iu ajn kaŭzo militis sur albana tero; Grekoj, Macedonoj, Romanoj, Bizancanoj, Gotoj, Hunoj, Avaroj, Serboj, Bulgaroj, Normandoj, Francoj, Venecianoj, Turkoj, ĉiuj bataladis en Albanujo kaj ĉiam kaŭzis grandan malbonon al la loĝantoj. Kontraŭbatalante invadintojn, ili ne nur perdis multan homan materialon kaj siajn urbojn*), sed tio ankaŭ kaŭzis la perdon de ĉia civilizacio relativa, kiu diversepoke estis ekkomencinta vidiĝi en Albanujo. Tiuj ĉiamaj militoj kaj la senĉesaj klopodoj de la albana popolo, sin liberigi, ĝin devigis fariĝi popolo tre liberema kaj tre militema, sed ankaŭ ĝin devigis resti malantaŭe je civilizacio, malhelpinte al ĝi, sekvi progreson kaj evoluon kiel aliaj pli feliĉaj popoloj. Sendube neniu alia lando estis tiel dronigita en katastrofoj kiel Albanujo, kaj tio kaŭzis, ke eĉ ĝis hieraŭ la sola zorgo de l' Albano estis lia pafilo aŭ armilo, aliajn okupojn li estis forlasinta.

Albanujo liveris al la historio multajn famajn personojn, inter kiuj ni citas: Bardhylli, Agrono, kies edzino Teŭta ne malkuraĝis kontraŭmiliti Romanojn (230 a. Kr.), Pyrrhus, Konstantino la Granda kaj aliaj Bizancaj imperiestroj, kiuj unue vidis la lumon sur la orienta bordo de l' Adriatika Maro. Kiam Turkoj venis en la balkanan duoninsulon, Albanoj sub gvidado de sia fama reĝo Skanderbeg**) (Jorgo Kastrioti) dum pli ol 25 jaroj alttenis kapon kontraŭ la invadintoj. Sennombrajn batalojn perdigis Skanderbeg al la Turkoj kaj pro tio eknomiĝis de la Papo Pio II-a „la Savonto de l' Kristanismo". Bedaŭrinde post la morto de l' reĝo Jorgo (1467) lia tuta ŝtato submetiĝis al la Turkoj, kiuj dum pli ol 450 jaroj ne preterlasis iun okazon ĝin martirigi. Per fero kaj sango ili dronigis iun ajn klopodon de la Albanoj por liberigo, tiel ke oni povas diri, ke ili estis decidintaj tute estingi tiun popolon.

Eĉ religie, Turkoj devige altiris Albanojn (kristanoj ĝis tiam) al la Mahometanismo, kaj tiamaniere nun la plej granda parto de tiu ĉi popolo ne plu vizitas preĝejojn kristanajn, sed adoras Allah'on en silentaj moskeoj. Sed la plej granda perdo por Albanoj estas sendube la neebleco havi lernejojn, kie estis instruata albana lingvo. Tiu tamen estis bone vivanta kaj ja de miljaroj parolata en tiuj regionoj, kvankam Turkoj severe malpermesis ĝian uzon kaj instruon en iu ajn lernejo. Turkoj kontraŭe devigis ilin al la kulturo de la turka lingvo, klopodante tiamaniere, ke Albanoj forgesu, ke ili estis alirasa elemento. Tio sendube estas la ĉefa kaŭzo, ke multaj kaj multaj filoj de la albana „Ŝqipe" (aglo) distingiĝis en gravaj oficoj de la militistaro kaj administracio turkaj kaj neniam ekpensis pri sia propra patrujo, ĉar ili estis ricevintaj turkajn kulturon kaj instigojn.

Sed, jen ke oni povas miri, kiel tia popolo ne povis sin distingi en la historio de la nacioj! Mi citas ankoraŭfoje Gobineau, kiu ŝajne tute bone estis studinta sian temon: „Energio senlima, inteligenteco alta, braveco troriskema estis ĉiam la ĝustaj virtoj de l' Albanoj! Ili tamen vivis en suba nacia stato kaj sin kontentigis abunde liveri glorajn personojn al la Grekoj, al la imperioj Roma kaj Bizanca kaj poste al la Turkoj. Oni devas atribui tiun fenomenon al ilia dispartiĝado, kaŭzita de malsamvaloraj regionaj edziĝoj, de la relativa malforteco de la grupoj kaj plie de ilia restado inter triboj multnaskaj, kiuj tenante ilin en montaj kaj neproduktemaj teritorioj, neniam permesis al ili sin pliampleksigi space."

Grandaj Potencoj dum kongreso de Berlin 1878 gravan malbonon kaŭzis al Albanujo, donacante urbojn kaj regiou-

---

*) Nur Paulus Emilius en Suda Albanujo dum 227 a. Kr. elfosigis 80 urbojn!

**) Vidu „Skanderbeg, heroo de Albanujo", de Cuk Simoni, Esperante.

ojn albanajn al la tiama princo de Montenegro kaj al la Serboj. Nur kelkajn monatojn antaŭ la Balkana milito 1912, ankoraŭ unu fojon, Albanoj revolucias, tiufoje kun sukceso. Turkoj devis fine rekoni, ke raso albana ankoraŭ ne estis estingita, sed bone vivanta. Ili fordonis iujn rajtojn al Albanoj, sed verŝajne iliaj malfeliĉaĵoj ne estis ankoraŭ finitaj. Jen Balkana milito, kaj la militantoj faris al si plezuron okupante kiom eble plej multe el la albana teritorio.

La kontrakto de Florenco de 1913, kiu sekvis Balkanan militon, fine agnoskis Albanujon kiel ŝtaton nedependan, kaj fremda soldataro estis forpelita de ĝia teritorio per la volo de Eŭropo. Germana princo estis elektita kiel reĝo de Albanujo, kaj tiu ĉi princo Wilhelm de Wied elŝipiĝis en Durresi la 6-an de Marto 1914 inter la frenezaj aklamoj de tuta popolo.

Tamen, tuj post la proklamiĝo de la granda milito tiu ĉi forlasis Albanujon kaj ĝian kronon kaj fugis al servo de sia patrujo. Albanujo estis ankoraŭ unu fojon dispartigita inter la militantoj, kaj dum ke Nordan Albanujon ekokupis Aŭstrogermanoj, Suda Albanujo estis tute okupita de italaj armeoj. Tiuj ĉi eĉ post la milito ne forlasis la landon, sed nur kiam albanaj revoluciistoj (ankoraŭ!!) mem falis sur ilin. Diversajn registarojn estas vidinta Albanujo depost 1912 ĝis la jaro 1925, unu pli malfortan ol la alia. La unua politika vivo de Albanujo kiel ŝtato inter ŝtatoj ekkomencis depost 1925. En tiu ĉi jaro post interna revolucio, albanaj deputitoj kuniĝas en Tirano (ĉefurbo) kaj proklamas respublikon, elektinte kiel unuan prezidanton homon tre inteligentan, bravan kaj patriotan, s-ron Ahmet Zogu. Depost tiu dato, Albanujo eniras rondon de eŭropaj ŝtatoj, kaj sub la gvidado de l' prezidanto ĉio en ĝi ŝanĝiĝas. Por starigi ĉiujn oficojn de la ŝtata organizacio, por ordigi la vivajn fortojn de la nacio, financojn, juĝon ktp., li alvokas eŭropajn personojn kiel organizantojn. Angloj organizas ĝendarmaron, Italoj ordigas financojn, francaj inĝenieroj regulas publikajn laborojn. Multo estas farenda. Ĉio mankas kaj popolo estas tre malantaŭe je kulturo kaj progreso. Tamen ĉiu postulo de moderna vivo estas akceptata de albana popolo tutkore; sufiĉas, ke tio estu petata de la registaro.

Respubliko Albana daŭris nur tri jarojn, ĉar la 1-an de septembro 1928, tiu ĉi transformiĝis je reĝolando. Kiel unua reĝo estis elektita la prezidanto sub titolo „Zog I-a, Reĝo de Albanoj". Depost tiu dato, la programo de la reĝa registaro estas: evoluo de la popolo, milito al la analfabetismo, pliboniĝo de la socia vivo kaj adaptado de la antikvaj moroj kaj tradicioj albanaj al la diversspecaj postuloj de la nunaj epokoj. Ĉio tagon post tago ŝanĝiĝas, kaj depost la lastaj jaroj Albanoj kun paŝoj gigantaj marŝas al la evoluo, civilizacio kaj progreso. Nekonataj horizontoj ekaperas depost tiu epoko (1928) al la okuloj de la albana montano, kiu ĝis nun ŝajnis esti ne facile adaptebla al novaj sistemoj. Tamen tiu ĉi vidas la bonojn de la civilizacio kaj progreso kaj tutforte klopodas kompensi malfruiĝon devigitan de fremda premado. Li komprenas, ke nur per progreso kaj civilizacio senĉesa li iom post iom venos al bona punkto de progreso, tiel ke li ne plu estu malantaŭe, almenaŭ kompare kun aliaj balkanaj popoloj.

Krom aliaj unu el la ĉefaj zorgoj de tiu reĝimo estis la kreo de pli kaj pli da lernejoj. Kaj prave! Albana lingvo — mirinde konservita, kiel ĝin parolis niaj prapatroj malgraŭ la multjarcenta vivo tra sennombraj danĝeroj — bezonis refortiĝi, pliboniĝi, kaj devis iom post iom forigi ĉiujn fremdajn slavajn, grekajn aŭ turkajn vortojn, kiuj estis restintaj en la lando kiel postsignoj de la trairo de tiuj ĉi popoloj. Albanoj rajtis posedi albanlingvan lernejon unuafoje en 1909 post la revolucio, kiu sekvis la turkan reformadon de 1908. Tiu ĉi lernejo tuj fariĝis porinstruista lernejo kaj daŭrigis sian servon pli aŭ malpli sukcese, ĝis

orda registaro zorgis pri ĝi. Nun tiu ĉi porinstruista lernejo ekzistas plu en Elbasan kaj ĉiujare pli ol 30 novaj instruistoj eliras kun la celo disdoni al la novaj generacioj la lumojn, kiuj mankis al iliaj prapatroj. 1921 Albanujo posedis:

1. Porinstruistan lernejon en Elbasan.
2. 1 Albano-francan liceon en Korça.
3. 9 Superajn Unuagradajn lernejojn, kun 7 klasoj.
4. 29 Superajn Unuagradajn lernejojn, kun 5 klasoj.
5. 22 Superajn Unuagradajn lernejojn, kun 3 klasoj.

kaj

6. 472 lernejojn unuagradajn kun 2 klasoj.

Plie tiama Registaro subtenis:
44 studentojn en Italujo.
55 studentojn en Aŭstrujo.
3 studentojn en Francujo.

Laŭ oficiala statistiko de la Kleriga Ministerio por la lerneja jaro 1928/1929 funkciadis sur la tuta albana teritorio:

1. 12 Mezagradaj lernejoj;
2. 20 Mezagradaj lernejoj internaj;
3. 527 Unuagradaj kvinklasaj lernejoj, en kiuj instruis 106 geprofesoroj kun aliaj 807 geinstruistoj al la tiamaj 32 063 gelernantoj. Krome, la Registaro subtenis dum tiu jaro 1239 lernantojn interne kaj 159 ekstere en diversaj italaj, aŭstraj aŭ francaj universitatoj.

La budĝeto por la nuna jaro necesigis eltiron de pli ol 360 000 frankoj oraj el la parto de la kleriga ministerio por ekonomio, tial restas al tiu ĉi 3 200 000 frankoj oraj por la lerneja kaj eduka movado. Tiu ĉi sumo estas pli ol la dekono de la tuta budĝeto, kiu por tiu ĉi jaro plialtiĝos ĝis 29 100 000 fr. oraj.

Albana unuagrada lernejo estas kvinklasa kaj lernantoj devas viziti ĝin de post la 6-a ĝis la 13-a jaro de sia aĝo. Pri la lernejo mem, mi raportos alian fojon.

Janko Pali,
instruisto en unuagrada lernejo,
Quepairo de Himara, Albanujo.

# Gepatraj devoj.

De Walter Etzold, Leipzig.

Jes, preskaŭ ĉiuj gepatroj havas la konvinkon, ke ilia infano estas tre talenta, precipe se ĝi prezentas sin tre malnaiva, ili jam nun opinias, ke nur kulpas la instruisto, se la infano post 4 jaroj ne sukcesas la akcept-ekzamenon por duagrada lernejo. Ili kredas, ke ili povas ŝarĝi la tutan respondecon por la evoluo de la infano al la instruisto, ne pripensante, ke ankaŭ ili havas aron da devoj, kiujn ili ne rajtas ignori. Antaŭ ĉio ili ne jam estu venenintaj siajn infanojn en embria stato. Sed tio ofte jam okazis per alkohol- kaj tabakuzado. Ambaŭ venenoj ĉefe domaĝas al la embriaj ĉeloj, kiel estas pruvite per ĉebestaj eksperimentoj. Da alkoholo sufiĉas ĉirkaŭ 200 gr. por mortigi homon, da nikotino $^1/_{20}$ gr. Tabako entenas entute 18 diversajn venenojn, ekz.: cianida acido, karbonacido, piridino, sulfurhidrogeno, amoniako ktp.

Nikotino estas tia terura veneno samdanĝera kiel cianida acido, ke ĝi devas esti konservata sub duobla fermaĵo en la apotekoj. Kuracisto nur rajtas recepti maksimuman kvanton de

0.150 gramoj da opio, 0,030 gramoj da morfino, 0,003 gramoj da nikotino.

Kvingrama cigaro kun nur 2% da nikotino enhavas 0,100 gr. La nikotina enhavo ĉe kelkaj tabakspecoj eĉ atingas 8%, do unu cigaro povus enhavi ĝis 0,400 gr. da nikotino. De 0,100 gr. da brulanta cigaro transformiĝas 0,075 gr. en fumon, da ili la fumanto asimilas 0,036 gr. en la korpon. Ke tiaj danĝeraj venenoj nature malbone efikas al la idaro, estas facile komprenebla. Pri alkoholo tio certagrade jam estas konata. D-ro med. G r ü n w a l d ekz. raportas pri persono, A d o J u c k e, kiu naskiĝis en jaro 1740 kaj estis konata kiel drinkulino. Ŝi havis 834 idojn, inter ili estis 181 prostituitinoj, 142 almozpetuloj, 76 krimuloj kun 7 murdoj, 64 loĝis en azilo por mizeruloj

kaj tiel plu. Estas fakto, ke en regiono kun granda bier-konsumo naskiĝas la plej multaj idiotoj. Rilate al nikotino avertas prof. Franklo Hochwert antaŭ edziĝo kun nikotinisto, ĉar infanoj de tia homo ekde naskiĝo estus nervozaj kaj malsanemaj. Mi tute ne volas aserti, ke ĉe ĉiuj personoj, kiuj iafoje drinkas kaj fumas, devas ekzisti degeneritaj idoj. Tamen ĉiu pensu, ĉe estontaj malbonaj sukcesoj kun siaj infanoj, pri si mem.

Danĝera nature estas la propra alkohol-trinko de la infanoj. Se la alkoholo jam malutilas al plenaĝuloj, des pli ĝi devas malutili al ne evoluinta korpo. Sed, kelkaj diros, mi ja neniam donas al mia infano alkoholon, eĉ ne botel-bieron. Tamen la infanoj eble ĝuas alkoholon, sen scio de la gepatroj. Infano el speciala klaso, kiu precipe la literojn **b** kaj **v** erare intermiksis kaj ofte sidis dormeme kaj apatie, foje estis demandata de instruisto, kion ĝi manĝas antaŭ la enlitiĝo. Jen li eksciis, ke ĝia patrino donis al ĝi likvorajn ĉokoladbombonojn. Sed estas science konstatita, ke nur 13 likvor-bombonoj entenas brandglason da konjako.

Prof. D-ro Schmidt, fama kol-kuracisto en Frankfurt ĉe Main diris: Kiam en la jaro 1862 komenciĝis mia praktiko, en multaj familioj estis kutimo, doni al infanoj vinon por tre fortigi ilin jam en la dua vivjaro. Poste kiam mia praktiko plivastiĝis, mi decidis observi trankvile, ĉu alkoholo estas utila aŭ ne por infanoj. Mi tre baldaŭ konvinkiĝis, ke kutime la malo de la intencita efiko estis atingata.

D-ro J. B. Cathomas en St. Gallen diras: La akceptema kaj sentema cerbo de evoluanta infano estas difektata per alkoholo pli multe ol la cerbo de la plenaĝulo. La spiritaj funkcioj de infana cerbo estas forte difektataj kaj apatiigataj, la tuta nerva sistemo estas grave difektata. Tiel ankaŭ la nuna pleja malsano, la nervozeco, estas parte deduktebla el konsumo de alkoholaĵoj en la juneco. Estas pruvite, ke infanoj, kiuj hejme trinkas vinon, bieron, brandon, moston ktp. rapide ekscitiĝas, ili suferas je konvulsioj, artrito, koreo, epilepsio, maltrankvila dormo, eĉ sendormeco. Krome estas pruvite, ke preskaŭ ĉiuj malsanoj kiujn kaŭzas la alkoholuzo ĉe plenaĝuloj, iafoje estas troveblaj ĉe infanoj, ekz. inflamoj de vivnecesaj organoj, hepata atrofio, kor-dilato ktp. La korpa evoluo ofte postrestas pro alkoholuzo. Plu estas pruvite, ke infanoj, kiuj frutempe ricevas alkoholaĵojn, postrestas je kreskado, ke trinkantaj infanoj, se ili malsaniĝas, pli grave malsaniĝas kaj pli grandnombre estas venkataj de malsano, sekve ili ankaŭ havas pli malgrandan rezistkapablon ol la abstinencaj.

Do reen al mia infano en la speciala klaso! Laŭ la ĵus dirita, ĝia sinteno estas klarigebla. Kiam ĝi estis atentigita pri tio, ĝi ne plu manĝis likvorbombonojn kaj ĝia stato fakte videble pliboniĝis.

Ho, kiel multaj edukistoj povus pli faciligi al si sian eduklaboron!

Tre malbone ankaŭ efikas al infanoj la restado en fumplena aero.

D-ro Burchardi citas francan kuracistor, kiu foje estis vokita de policisto, kies infano grave malsaniĝis. La kuracisto ne sciis alian konsilon, ol recepti al la infano restadon en kamparo. Post ses semajnoj la infano sane revenis. Sed baldaŭ hejme reaperis la malnova malsano. Tiam la kuracisto iuvespere eltrovis, ke la patro fumis en la loĝa ĉambro, kaj ke la fumondoj penetris tra la malfermita pordo en la dormĉambron de la infano. Nun al la kuracisto klariĝis la kaŭzo de la malsaniĝo. Li klarigis tion al la patro, kaj tiu forlasis sian malbonan kutimon. La infano baldaŭ tute resaniĝis.

Ankaŭ mi iam havis knabon en la klaso, kiu aspektis malgrasa kaj estis apatia dum la instruo. Mi eksciis, ke lia frato hejme dum lia ĉeesto fumis multe da cigaredoj. Estas konate, ke la fama Viena nervkuracisto Frank Hochwart atestas, ke ĉe fumantoj estas subpremata

la malsatsento, kaj ili suferas je senapetiteco. Nature ankaŭ tiuj, kiuj daŭre devas esti en fumplenaj ejoj. Mi klarigis tion al la gepatroj, kaj kiam oni forigis la fumadon, la knabo rericevis sian apetiton kaj samtempe korpan kaj spiritan sanecon.

Bedaŭrinde ankaŭ okazas, ke infanoj sekrete fumas. Tiam estas kaŭzata nenormala ekscitiĝemo ĉe ili, eĉ ankoraŭ pli ol ĉe kutimfumantoj. Tiel mi iam konstatis ĉe knabo, kiu estis batinta kvar knabojn ĝissange. Tiu ĉi knabo tagon antaŭe fumis pipon.

Ke jam multaj incendioj (brulegoj) estiĝis pro frivola fumado, nur krome estu rimarkate. Ankaŭ oni gardu la infanon antaŭ malbonaj distroj. Kien ĝi iras, jen en ĉi tiun, jen en alian kinon aŭ societkunvenon kaj tie partoprenas, tiam neeblas al ĝi ekzakte plenumi siajn lernejajn taskojn.

Vespere oni donu al infanoj nur facildigesteblajn manĝaĵojn, precipe fruktojn kaj enlitigu ilin plej malfrue je la 20-a horo.

Tre malrekomendinde estas dimanĉe kunpreni la infanojn ĝis malfruaj horoj, ĉar tiam neeblas, ke ili estu viglaj kaj findormintaj je la sekvanta mateno.

Do, ekzistas multaj aferoj, kiujn devas pripensi la gepatroj, antaŭ ol ili iel kulpigu la instruiston pro malsukceso de la infano en la lernejo.

Se la gepatroj havas la necesan komprenemon, kaj se ili solidariĝas kun la instruisto, tio nur utilos al la nova generacio. Kiu ne volus ĉiel kunhelpi por atingi ĉi tiun plej altan celon?

---

# Presarto ĉe lernejoj francaj.

Tuj kiam ni estis provintaj en la 1924-a jaro, la unuajn eksperimentojn pri „P r e s a r t o ĉ e L e r n e j o", ni senprokraste pripensis la gravegajn utilojn de ĉi tiu tekniko cele interkomuniĝon de la lernejoj.

Kaj eĉ ke tuj kiam du klasoj estis posedintaj materialon je presarto, ni organizis interlernejajn ŝanĝojn.

Sed ĉar la adeptkvanto ĉiam kreskis, tre baldaŭ ĝi estiĝis tiel grava, ke la interŝanĝo de lernejaj gazetetoj ne plu sufiĉis por interligo, por kunligo de ĉiuj presantaj klasoj.

Ni estis devigataj pripensi novan metodon rilatan al taŭga interligo. Tiam naskiĝis „L a G a r b o"! Gazeteto tute presita de la infanoj mem.

La unuan „Garbo"-n do estis presigintaj nur dekduo da geedukistoj. Ĉiu lernejo presigis kiel eble plej sperte sur tri aŭ kvar paĝoj interesan tekston. Ni ĉion kunmetis per bela blua kovrilo. La tuta materialo havigis al ni 80 malgrandajn kajerojn kiujn ni distribuis inter la aliĝintoj.

La entuziasmo tiel instigita estiĝis ŝatinda. Kaj tiu ĉi sukceso kuraĝigis nin persiste daŭrigi maltime la novan vojon.

Dum la longdaŭro de tri lernjaroj, etendiĝis kontinue la eksperimento, pri „Garbo" de la infanoj mem aldonita.

Kiam la preskvanto de 80 broŝuroj ne plu estis sufiĉa pro kreskego de la korespondantaro, ĉar nun oni ne povis postuli de la lernantoj pligrandan preskvanton, ni kreis du kaj eĉ tri seriojn de ĉiumonataj Garboj. Ni do estis eldonintaj ĉiumonate 160 kaj 240 ekzemplerojn de kajeroj, kiuj estis veraj tute verkoj de la infanoj.

Tia kvardeko de libretoj ja estas senkompara, sensimila dokumento en la pedagogia historio: vera p o r i n f a n a g a z e t e t o, d e l a i n f a n o j t u t e v e r k i t a, p r e s i t a k a j i l u s t r i t a, kiu kapablas vivi dum pluraj jaroj, sen kostopago, kaj sen abonmendoj, sen budĝeto verdire.

Ni tuj sciigos la legantaron, ke ni eĉ nun elĉerpas tre ofte interesajn verketojn de la malnovaj kajeroj, celante pri niaj diversaj porinfanaj eldonaĵoj.

Ĉiaokaze, tia formulo pri „L a G a r b o", supermezure kunhelpis nian plivast-

iĝon dum la malfacila periodo de la teknikaj provŝanceliĝadoj kaj de la pedagogiaj esploradoj. Ĝi estis vivplena ilo por kooperado, maniero de seninterrompa konkura fervoro inter la malnovaj aliĝintoj, kuraĝigo por la novaj samcelanoj. Ni eĉ povas nun pensdemandi ĉu ne estus dezirinde reaperigi regione similajn kooperajn revuetojn.

Ni tamen estas devigitaj forlasi ĉi tiun jam esprimitan formon, ĉar ĝi nekapablis taŭge kontentigi la novajn bezonojn por interkomunikiĝo de 200 ĝis 250 adeptoj priinstruante 5—6000 infanojn. Necesis trovi veran interligilon pri aktiveco kiu ĉiam pli kaj pli gravege plivastiĝis, novan interpretilon pri konstanta kaj efika kunligo. Ni tiam spertigis unuan aliigon al nia „Garbo".

Nia ĝenerala Kongreso en Marseille decidis 1930 eksperimenton pri nova maniero: porinfana gazeto de la infanoj verkota kaj ilustrota, sed de la plenaĝuloj presota.

Dum la sekvanta lernjaro, verdire ne ĉiam regule, kajeroj de „la Garbo", per rotacia limografo presitaj, iom post iom aperis. Estis plena feliĉa sukceso kiu devigis nin en la komenco de junio 1931, adopti la nunan materialan aspekton per tutpresata kajero.

Sub tia finofara belaspekto, „La Garbo" ĉiam estas firmiganta la sukceson. Multnombraj pruvoj certigis al ni la eksterordinaran intereson en la infanaro por tiu eldonaĵo. Kaj oni certe tre miros kiam ni estos dirantaj ke la eblecojn pri plibonigo de la revuo ni ĝis nun ne tutĉerpis.

Kompreneble ni presigas la gazeton. Sed ni treege deziras ke la enhavo tutkontentige plenumu la mankajn dezirojn de la infanoj; ne nur de la francaj infanoj sed eĉ kaj kontinue, la dezirojn de la ĉiulandaj geknaboj!

Ni firme klopodas, penadas pro „Garbo" kiel stimulanto, kiel instiganto de la kreemaj eblecoj, de la kreemaj kapabloj de la malgrandaj uloj en la tuta mondo!

Ni batalas kaj batalos senlace pro „La Garbo" unua kaj esperebla longdaŭra, nacia kaj internacia interligilo de ĉiuj infanoj kiuj studadas per libera aktiveco en la lernejoj de l' popolo!

H. Bourguignon,
Instruisto en Saint-Maximin (Var)
Francujo.

PS. Edukistoj el la tuta mondo, legantoj el la pedagogia aro, petu tuj al mi senkostan specimenan ekzempleron de la „Garbo" kaj atentu ĝin. Post unua enrigardo vi certe fariĝos fidela abonanto kaj abonigos viajn gelernantojn kaj . . . gekolegojn.

Kunhelpu la internacian peresperantan rubrikon de nia gazeteto havigante al ni infanajn verketojn! Ni tutkore antaŭdankas kaj ĉiam rekompencos la infanajn korespondantojn! H. B.

---

## Esperanto kaj lernejoj.

Prilaborita de Albrecht Naumann, Großenhain Sa. (Germ.)

### I. EUROPO.

#### 1. Anglujo.

Clitheroe. Post parolado de s-ro Butler en la lernejo kaj Grammar-lernejo ĉi tie la estroj tiel interesiĝis, ke oni starigis kurson por la infanoj kaj mendis librojn de BEA.

Colne. Kurso stariĝis kun 27 lernantoj. Instruanto s-ro Sunter, redaktoro de Colne & Nelson Leader.

London. 25. 11. 32 prof. de Londona Universitato H. C. Flügel prelegis pri „Psikanalizo kaj moralo" en Londona Esp.-Klubo. — En popola Universitato City Literary daŭras kvin kursoj de la eduka fako, inter ili la prelegaro de K. R. C. Sturmer pri la historio kaj literaturo de Esp. En la Esp-ista Klubo de la

universitato parolis 10. 12. s-ro F. Sons pri „Frenelogio“.

**2. Aŭstrio.**

L i n z. En metia kleriga lernejo sin anoncis por kurso 180 gelernantoj. Laŭ klopodo de s-ro Wanneck la lerneja konsilantaro konsentis starigi du kursojn anstataŭ unu, kaj daŭrigan kurson. Gvidas s-ro Jos. Mraz. La kursoj estas pagataj de la lando.

R i e d. Kuro gvidata de s-ro Jungschaffer. La duono de 25 partoprenantoj estas gimnazianoj.

**3. Bulgarujo.**

Tra lando s-ro Simeon St. Hesapĉiev faris dum 24 tagoj en Sept. kaj Okt. 19 paroladojn. 11 el ili estis speciale por gelernantoj de mezlernejoj. S-ro Hesapĉiev havas permeson de la Ministerio de la Publika Instruado fari paroladojn pri Esp.-temoj ĉe ĉiuj mezlernejoj en la lando. Ĉie la intereso estis granda, malgraŭ la malfavoraj tempoj, en kiuj ni vivas. Specialan intereson montris la gelernantoj. Nun oni gvidas kursojn ĉe multaj gimnazioj.

**4. Ĉeĥoslovakujo.**

B r n o (Brünn). S-ino Marie Strejĉkova gvidas kurson por virinoj (precipe instruistinoj, doktorinoj, profesorinoj).

K o ŝ i c e. 40 slovakaj gimnazianoj lernas Esperanton ĉe del. de UEA.

M l a d a B o l e s l a v. En Okt. 1932 komenciĝis kurso por 22 gelernantoj en komerca lernejo.

O l o m o u c (Olmütz). En ĉeĥa Komerca Akademio oni favoras Esperanton. Jam la trian jaron estas kursoj aranĝataj. La gestudentoj volas konvinki la profesorojn kaj la direktorojn, ke Esp. taŭgas por praktikaj celoj. Pro tio oni volas aranĝi ekspozicion 19.—26. 3. 33 en palaco de la Praha'a Specimena Foiro en Praha (Prag). La studentoj petas alsendon de raportoj pri Esperanto en aliaj komercaj lernejoj kaj kiel la studentoj praktike uzas Esperanton.

**5. Estonujo.**

T a l l i n n (Reval). 13. 12. 32 estis 10-jara jubileo de Esp.-rondo ĉe II urba elementa Lernejo, okaze de tio bonsukcesa festo kun Esp.-programo.

T a r t u (Dorpat). 15. 11. 32 s-ro K. Tunon parolis pri Svedujo kun lumbildoj en knaba gimnazio antaŭ 150 lernantoj, tradukis s-ro J. Eichman.

T a r t u (Dorpat). Blinduloj en loka blindula lernejo eklernis Esperanton.

**6. Francujo.**

Departementaj parlamentoj.

La 11. 10. la ĝenerala konsilantaro de Boucher-du-Rhone sub prezido de senatano Bon akceptis unuvoĉe rezolucion pri instruo de Esperanto en lernejoj. Saman deziresprimon voĉdonis ankaŭ la konsilantaro de la departemento Alpes-Maritimes.

A u x e r r e. Parolado de s-ro Ernest Archdeacon en Okt. antaŭ 100 personoj, inter ili multaj lernantoj de porinstruista lernejo.

G r e n o b l e. 28. 10. 32 s-ro Andre Baudet, eksprezidanto de Pariza Komerca Ĉambro, faris paroladon pri Esperanto kaj ĝia praktika utiligo en la Komerca Ĉambro. Pro tio oni komencis kurson en la universitato.

P a r i s. La semajna ĵurnalo „Novaj Horoj“, organo de la Franca Ligo de Instruado, komencis en ĉiu numero Esperantan rubrikon. Petu specimenon de la ĉefsekretario de „Ligue Française de l' Enseignement“, 3 rue Recamier, Paris.

**7. Germanujo.**

G l a d b e c k (Rheinland). 8. 11. mezlerneja instr. Schulte el Essen faris paroladon en pormetia lernejo. Kurso kun 24 p. komenciĝis.

**8. Latvujo.**

L i e p a j a. Instruisto Kaupmanis lernigas Esperanton al infangrupo de elementa lernejo.

R i g a. 3. 10. kurso en popola altlernejo, 15 pers. instruas rektmetode s-ro Krastinŝ. 5. 10. instr. G. Tupicin ekin-

struis Esperanton al 20 siaj gelernantoj en meza gimnazio.

9. **Nederlando.**

Dortrecht. Grupo „Tra la Mondo" arangis la menciitajn kursojn, en kiuj nun partoprenas 320 geknaboj.*)

10. **Norvegujo.**

Stavanger. 25. 10. s-ro Seppik faris paroladojn. Inter la kursanoj estas 40 popollernejanoj, 30 gimnazianoj kaj 15 geinstruistoj.

Stord. 24. 10. lektoro Seppik faris prelegon pri Estonujo en la klaso de s-ro Oekland. Poste estis provleciono por gelernantoj kaj geinstruistoj de la seminario. Nun la lernantoj lernas laŭ sia deziro Esperanton ĉe s-ro Oekland, tre malnova esperantisto.

11. **Polujo.**

Lublin. Dum la 5-a Pollanda Esperantista Kongreso je 30./31. 10. kaj 1. 11. 1932 oni faris rezolucion pri okazigo de plebiscito por enkonduki Esperanton en la lernejoj. Oni pritraktis la de ICK skizitan lernej-planon sur bazoj prilaboritaj de la Universalaj Kongresoj en Oxford kaj Krakovo. Oni klopodas pri enkonduko de unujara Esp.-kurso kiel devigan fremdan lingvon en la polan instruprogramon.

12. **Svedujo.**

Hällevik. 13. 12. 32. Esp.-Klubo arangis Luĉio-feston en la lernejo. Kunvenis klubanoj, gelernantoj el la popola lernejo, kiuj studas Esperanton (26 geknaboj) kaj kelkaj invititoj, entute 80 personoj. Luĉio-virgulino estis knabino el popollernejo, Inga-Greta Ivarsson. Ili kantis la Luĉio-kanton en Esperanton.

Lund. S-ino Morariu gvidis kurson por instruistaj seminarianoj kaj alian por altaj klasoj de popollernejanoj.

En Söderhamn kaj Sandarne fondiĝis po unu grupo, al kiuj apartenas naŭ geinstruistoj.

13. **Sudslavujo.**

Jesenice. 12 instruistoj partoprenis skriban kurson de s-ro P. Golobiĉ.

*) Vidu IPR 1932, p. 136!

II. **AFRIKO.**

**Egiptujo.**

Lennures. La ĉefinstruisto en kopta lernejo, f-ino Wadia Gattas, parolas Esperanton.

III. **Ameriko.**

1. **Ĉilio.**

Santiago de Chile. Fine de Julio 1932 fondiĝis societo „Esperantista Junularo de Ĉilio". Membroj estas la lernantoj de unu el la ĉefaj liceoj de la ĉefurbo kaj ebligos antaŭvidi la interesigon de la licea direktoro kaj de la instru-aŭtoritatoj por aranĝo de pliaj kursoj. S-ro Kreuz, direktoro de ICK, estis nomita Honora Membro de tiu nova societo.

2. **Usono.**

Los Angeles. La vespera kurso en la Politeknika Altlernejo ankoraŭ daŭras sub vigla gvidado de s-ro Christensen.

IV. **Azio.**

**Japanujo.**

Kursoj okazas en dimanĉlernejo de Daini kaj en la Doosiŝa Liceo de Tokio.

---

# Nuntempaj lernejreformoj en Ĉeĥoslovakujo.

Niaj lernejreformoj tuj post la mondmilito havis nur negativan signifon: ili estis forigantaj sole la postvivaĵojn de la antaŭa konservativa reĝimo. Sed esploraj vojaĝoj eksterlandon, multenombra pedagogia gazetaro, vastiganta la komprenon por nova lernejo kaj vico da fakaj pedagogiaj verkistoj kaŭzis, ke la nuntempaj lernejreformoj montras karakteron tute alian. Ili metas la daŭrajn fundamentojn al la ĉeĥoslovaka lernejo, precipe al ĝia moderna organizado.

En multaj lokoj de nia respubliko estas organizitaj jam kelkajn jarojn eksperimentaj lernejoj, kies celo estas disvastigi

la konon pri lernejaj novaĵoj kaj montri al ni, kiuj novaĵoj taŭgas por nia lando kaj estas en ĝi efektivigeblaj.

Reformata estas la porinstruista preparo. La pasintan jaron estis malfermitaj en Praha, Brno kaj Bratislava ŝtataj pedagogiaj akademioj, unujaraj alt-lernejoj, kiuj celas doni al absolvintoj de mezgradaj lernejoj pli perfektan pedagogian klerigon. En ili estas prelegantaj universitataj profesoroj. (Tiu ĉi reformo estas nur provizora kaj en pli oportuna tempo estos plibonigata; la ĉeĥoslovaka instruistaro neniam ĉesos postuli la klerigon universitatan).

Dum la nunjara somera trankvilo estis eldonita moderna instruplano por la unugradaj lernejoj, per kiu ili alproksimiĝas al idealoj de aktiva lernejo. Publikigitaj estis ankaŭ instrukcioj plifaciligantaj la transiron el unuagrada lernejo en lernejon mezgradan; tiamaniere maturiĝas la ideo de unueca lernejo. La kompletigaj lernejoj industriaj, antaŭ nelonge ankoraŭ aligitaj al aliaj lernejoj kiel specialaj kursoj, sin iom post iom sendependiĝas.

La interna ŝanĝo lerneja direktiĝas al pli granda individueco de l' instruado. Oni postulas la liberan hortabelon por la elementa lernejo kaj diferencigon laŭ la talento de lernantaro.

En la plej proksima tempo estos prilaboritaj definitiva instruplano por la unuagrada lernejo, laŭ la spertoj akiritaj post trijara instruado laŭ la instruadplano provizora, plue la fundamenta instruplano por la lernejoj mezgradaj kaj fine nova aranĝo de la popolinstruistaj ekzamenoj. Ankaŭ instrukcioj por la ekzamenoj en la apartaj fakultatoj de universitatoj estos denove reguligitaj.

La iniciatoj el eksterlando aliformiĝas tiamaniere, ke ili enradikiĝas en nia lando en la formo tute nova, kiel cetere okazas en ĉiu kultura ŝtato.

La menciitaj reformoj klopodas doni al niaj lernejoj tute individuan karakteron, konforman al la bezonoj de la nova ŝtato kaj de 20-a jarcento. Ili havas altan nivelon kaj pruvas, ke nia ŝtato estas rilate la lernejaferojn tute moderne orientita.

A. Valoušek.

---

# Decido de la 1-a Helena Esp.-kongreso.

La 1-a Hel. Esp.-Kongreso kunveninta en Ateno de la 16-a ĝis la 18-a de Julio 1932 en la amfiteatro de la Universitato de Ateno, decidis jene:

Konsiderinte la gravecon de la Helplingvo Int. Esperanto kaj ĝian ĉiutagan eksterordinaran disvastiĝon en la tutan terglobon, ke la hodiaŭa neceso de pli bona interkomunikiĝo kaj alproksimiĝo de la popoloj altrudas la akiron de ĉi tiu komuna lingva ilo jam sufiĉe internacie akceptita kaj pli facila por la ellerno ol ĉiu alia lingvo,

a) esprimas

la deziron al la registaro, ke la Lingvo Internacia Esperanto estu enkondukita kiel deviga fako en ĉiujn lernejojn de la ŝtato,

petas la registaron, ke ĝis la plena efektiviĝo de tiu propono enkonduku Esperanton kiel devigan fakon almenaŭ en la Instruistajn Altlernejojn de Elementa kaj Mezgrada Instruado, en la Komercajn Lernejojn kiel ankaŭ en la lernejojn de la kompletiga Instruado de ŝtatinstruistoj, kio servos por la preparo de Esp.-Instruistaro de la ŝtato,

b) konsideras

necesa la tujan starigon de eksterordinara katedro de Esp.-kurso en la Universitatoj de Ateno kaj de Saloniko kiel estas jam kreitaj en Ĝenevo, Vieno, Praha, Grenoble, Tokio kaj aliloke,

c) konsideras

nepre necesa la almeton ankaŭ de Esperanto inter la fremdaj Lingvoj al unu el kiuj, konforme al la novaj statutoj de la Universitato, devos ekzameniĝi la studentoj por sia diploma finekzameno, kaj fine, decidas ke tiu voĉdonita decido

estu donita per speciala komisiono al Lia Ministra Moŝto. (El Lingvo Internacia, Atheno; N-ro 7-8-9/32.)

---

## Hungara Esperanto-Pedagogia Asocio

fondiĝis. La antaŭpreparojn faras prof. Jozefo H. Mihalik. Projektita jara kotizo 1 pengo. La celo de la Asocio estos esplori la plej bonan instrumetodon de Esperanto, disvastigi la lernejan instruadon de Esperanto, multigi la nombron de instrukapablaj Esperanto-profesoroj.

---

## Recenzoj.

Prof. D-ro Göhl, Ausführliche Sprachlehre des Esperanto, Lehr- und Nachschlagebuch für Fortgeschrittene. (Detala gramatiko de Esperanto, lernolibro kaj lingva konsultilo por progresintoj.) Eldonis D-ro med. C. Renken kaj Friedrich Ellersiek. Berlin, 1932. Friedrich Ellersiek G. m. b. H. Esperanto-Verlag. 296 paĝoj. Tole bindita, prezo 4,50 gmk.

Jam antaŭ du jaroj mortis la aŭtoro. Kiel frukton de dekkvinjara laboro li postlasis tiun riĉegan verkon, kiu certe meritas favoran rangon en la bibliotekoj de germanaj esperantistoj. Du celojn servas la libro: pliperfektigon kaj konsultadon. Kion oni trovis ĝis nun nur hazarde kaj penige en iuj Esperanto-gazetoj, en „anguloj" por lernantoj kaj „studrondoj", tio estas trovebla bone ordita en tiu laboraĵo. Kursgvidantoj, kiuj plenumas la malfacilan, ofte forgesitan taskon, instrui personojn finintajn la unuan Esperanto-kurson, ili certe povos havigi al si ĉiun lingvan materion por siaj bezonoj. Ekz. la malfacilaj sufiksoj -ig- kaj -iĝ- estas pritraktitaj sur 6 kaj 5 paĝoj, krome ĉiu paĝo enhavas indikojn al aliaj ĉapitroj, kiuj rilatas al la koncerna afero. Germanaj parolturnoj malfacile tradukeblaj estas aparte pritraktitaj, ekz. la formoj „dürfen", „müssen", „sollen", adverboj, prepozicioj (20 paĝojn!). La aŭtoro gvidas germanlingvajn progresemulojn tra ĉiuj danĝeroj kaj erarebloj de la „facila" Esperanto, kio certe ne estas tro alte taksenda merito. Li traktas plej detale pri elparolo kaj ortografio (mankas nur ekzemploj pri akcentado; iom danĝera ŝajnas al mi la rekomendo paroli „n" antaŭ b, d, g), vortfarado (kun ĉiuj sciencaj aŭ maloftaj afiksoj, ankoraŭ ne oficialigitaj; la aŭtoro parolas pri prefikssimiloj fi-, for-, el-, inter-, sub-, ĉef-, duon- kaj vir- eble pro kaŭzoj devenantaj el la germana lingvo-uzo), la artikolo, substantivo, adjektivo, numeralo, prepozicio (rimarkindaj estas la notoj pri la nevera prepozicio), verbo, adverbo, konjunkcio, ekkrioj, vortsinsekvo kaj stilo. La rimarkoj pri la stilo montras, ke la aŭtoro ankaŭ volas prezenti lernolibron, ĉar ili entenas valorajn konsilojn por la laboro je propra pliperfektiĝo.

Kiu trastudis la libron, vere devas miri pri la abundo de nia simpla lingvo. Fakte tiu gramatiko ne diferencas de iu nacilingva. Tio estas certe grava signo por la vivkapablo, vivoforto de la artefarita lingvo. Sed ĉu tio ne estas ankaŭ manko? Per kio distingiĝas Esperanto de naciaj lingvoj? Ĝenerale oni rimarkas, ke ĝi estas logika lingvo. Ekzistas ja nun rondoj en Esperantujo, al kiuj ŝajne ne tro plaĉas la logika, sistema rigideco, pureco de la lingvo, kiuj ĝoje konstatas kaj favoras la t. n. „lingvan kutimon". Ni ne forgesu la logikan fundamenton, t. s. la fakton, ke Esperanto baziĝas sur la ĝeneralaj samecoj, fundamentoj de niaj nuntempaj grandaj kulturlingvoj (okcidentaj). La genio Zamenhof intue trovis tiun ĉiaman vivan portanton de homa lingvo, ĝian ĝeneralan gramatikon. Esperanto evoluis forte kaj nehaltigeble, ĝi estas vivanta lingvo, sed ĝia plua konscia prilaborado ne estu farota laŭ la modeloj de la naciaj (vivaj) lingvoj, nome laŭ fiksenda lingvo-kutimo (kaj sufiĉe da decidoj pri ne ĉiam tute klare prijuĝeblaj

aferoj en la Esperanto-lingvo ankaŭ en tiu libro similas tiun nevolan intencon). Do ni ne forgesu kaj atendu gramatikon proprecan al Esperanto.

La valoro de la verko certe plialtiĝus per pli bona ordigo de la mallongigoj uzitaj en la libro kaj per sistema (eble laŭalfabeta) ordigo de la ekzemploj en la unuopaj paragrafoj. R. W.

Istvan Genthon, La pentroarto en la malnova Hungarujo. Tradukis D-ro Francisko Szilagyi. Eldonis Literatura Mondo, Budapest IX, Mester-utca 53, V, 7. 72 paĝoj da teksto, 96 paĝoj da bildoj, prezo 12 60 gmk.

Tiu eldonaĵo de Literatura Mondo reprezentas valoran pliriĉigon de la Esperanto-literaturo. Kiel nefakulo mi ne scias, ĉu la laboroj de la aŭtoro estas publikigitaj nur en hungara, aŭ ankaŭ en aliaj nacilingvoj. Esperanto partoprenas per la verko nuntempan sciencon. Por tio dankas la aŭtoro, saman dankon devas esprimi la esperantistaro al la eldonisto de tia verko.

Nekonata, sed certe valora kaj menciinda parto de la mezepoka pentroarto estas la hungara. Ĉirkaŭ 2000 bildojn el la mezo de la 14-a ĝis la mezo de la 16-a jarcentoj trastudis la aŭtoro, la plej bonaj estas aldonitaj al la libro, tre bone reproduktitaj (102). La artokritikisto volas pruvi, ke la bildoj devenis de hungaraj majstroj, sukcese li penadas elmontri ĉiam la proprecon de la hungara pentroarto. Pro tio la tuta verko estas mallonga eŭropa artohistorio de la mezepoko, ĉar estas necese limigi la hungaran al itala kaj germana artoj. En la hungara arto laŭ li ege estas favorata la tono de silenta, inspirpia liriko (p. 26), la plej granda parto de la bildoj troviĝas ja sur flugilaj altaroj. Malgraŭ forta decidemo la aŭtoro skribas simple kaj modeste, grava avantaĝo de tiu verko. Du majstrojn hungarajn de eŭropa signifo li mencias, kaj vere li scipovas interesigi tiujn al la leganto — oni komencas kompari la aldonitajn bildojn kun germanaj kaj italaj. Bonaj estas la priskriboj de la bildoj, ili ne tro ŝarĝas la enhavon, sed agrable estas interrompitaj de aliaj pritraktoj. Do tiu verko de scienca laboro sin turnas al ĉiu leganto, ne nur al fakulo. Mi kuraĝas nomi la libron modelo de bona „populara literaturo scienca“, ĉar ĝi estas komprenebla de ĉiu leganto, sed postulas iom pli da laboro ol nur legado, instigas al memstara plua demandado rilate al propra historio kaj estas tradukita en fluan, eĉ modelan Esperanton. (Al mi ne plaĉas „tutege“ (46); ĉu mezepokaj bildoj „fotografas la epizodojn“? (36). R. W.

Wie denken Sie über Esperanto? (Kiel vi pensas pri Esperanto?) de fakinstruisto Hans Jungschaffer, Ried i. J., Bahnhofstr. 22, Aŭstrujo, 2-a eldono 1932, germanlingve, 23 paĝoj, prezo 30 groŝojn aŭstr., (5 ekz. aŭstr. ŝil. 1,70, gmk. 1.—, ĉ. kr. 10.—), havebla de la aŭtoro. La libreto bone estas recenzita en la germanlingva „Rieder Volkszeitung“, ĝi entenas la plej gravajn kaj konvinkajn faktojn pri Esperanto.

R. W.

---

## TAGE-kunveno en Köln.

Jam dum la Esperanto-kongreso en Paris kolegoj Hahn kaj D-ro Döhler interrilatis kun samideanoj el Köln, pro aranĝo de la TAGE-kunveno dum la Esperanto-kongreso en Köln kaj ricevis la konsenton kaj la promeson, ke la TAGE-kunveno trovos la specialan atenton de la Kongreskomitato, kiu zorgos, ke la instruista kunveno ne estu malhelpata aŭ ĝenata per samtempa aranĝo de aliaj ĝeneralaj laborkunsidoj, kongresaj prezentaĵoj aŭ gvidadoj.

La preparo de la kunveno estas komencita. Kiu el la tutmonda membraro deziras fari proponon por la tagordo aŭ pri nia laboro kaj estraro, bonvolu skribi

al la sekretario de TAGE. La daton kaj la tagordon ni publikigos en la venonta n-ro de IPR.

Antaŭ la internacia instruista kunsido okazos tiu de la germana asocio de Esperanto-instruistoj, en kiu ankaŭ la alinaciaj gekolegoj estos kore bonvenaj.

Jam nun ni kore invitas vin, amikoj el tutmondo, al niaj kunvenoj en Köln.

La TAGE-Laborkomitato.

# FELIETONA PARTO

## El la instruejo.

(Historia historio-leciono.)

La pordo de la klasĉambro fermiĝas kaj ĉiuj gelernantoj ordigas sin en siaj benkoj. Starante antaŭ mia tridekko, mi estas preta komenci la lecionon: „historio“, indikas la leciontabelo. En sinsekvaj partoj mi disvolvos por la juna generacio, la vivon kaj penadojn de iamaj patrujanoj. Jam dum multaj jaroj mi pritraktis la samajn temojn, kaj — ne ĉiam tute fervore. Iom post iom la ofta ripetado minacas la originalan freŝecon. Ĉiam denove la instruisto devas scii prepari spicitan saŭcon, por ke ĉiuj, instruisto kaj lernantoj, konsumu kun plej granda apetito.

Mi sentas tamen, ke la kuirado almenaŭ ĉi tiun matenon sukcesos kontentige. Ni komencu: mi regalos per „historio“. —

Historio! kaj la grafoj, kiuj en la mezepoko svingis la glavon, atendas denove de mi, ke ili estos prezentataj dece antaŭ mia juna publiko. Kaj, ĉar mi havas „mian bonan tagon“, la prezentado fariĝos sufiĉe viveca, la rakontado ne tro seka. La grafoj profitos pro tio. Feliĉe por ili, kaj por miaj tridek gelernantoj.

La leciono komenciĝas. Unu post la alia mi revokas la jam mortintojn el la griza pratempo; ili denove vivas, batalas inter si kaj faras la „historion“. La klaso aŭskultas tre atente kaj vidas per la fantaziaj okuloj la kavalirojn rajdantaj, kirasitaj sur fortaj ĉevaloj; kiel ili loĝas en fortikaj kasteloj kaj pasigas la longajn vintro-vesperojn.

Sur la unua benko, tuj antaŭ la loko, kie mi deĵoras oratore, sidas malgranda, vigla knabino. Ĝuste la vigleco kaŭzis al ŝi tiun sidlokon unuarangan. Sed la hodiaŭan matenon ŝi estas tiel kvieta, tiel atentega, ke mi ne povas ne miri. Ŝi fikse rigardas min; la brilantaj okuloj volas forlegi la vortojn jam de miaj lipoj. Evidente, ŝi tute vivas en mia rakonto kaj ŝiaj kunuloj nun estas la bravaj kaviliroj; ŝi vagas kun la nobelinoj tra la vastaj salonoj de la kastelo; ŝi sidas ĉirkaŭ la kamenego dum ŝtorma vintra vespero kaj aŭskultas la heroajn kantojn de iu trubaduro. Ha! kiel mi povas veki la intereson kaj gvidi la fantazion! Kontenta, eble iom fiera pri tia instruista sukceso, mi kun fervoro daŭrigas la rakonton. Ke tiu fervoro de tempo al tempo iom vualas la tute nudan verecon de historiaj faktoj, ne gravas; mia tridekko ĝuas kaj plene interesiĝas pri la traktata temo.

Kiam mia horloĝo avertas, ke la finiĝo de la leciono jam urĝas, mi preskaŭ kun iom da bedaŭro haltas. La aŭdantaro rektiĝas kaj ekbruetas. Ha, jen mia vigla malgrandulino sur la unua benko levas la manon. Kompren-

eble ŝi volas demandi ion pri la rakonto; tion pruvas la lumantaj okuloj. „Jes“, mi diras milde, „jes, Manjo, kion?“

„Oh, sinjoro,“ ŝi respondas rapide, „mi jam la tutan tempon alrigardis vin! Vi surhavas precize tian kravaton, kian mia patro! Tute precize, sinjoro ! ! —

P. Korte.

---

# Materialo por Esperanto-instruado.

## 1. Bone kaj Malbone.

(Rusa popolrakonto.)

Sinjoro renkontis en la vojiro vilaĝanon. „Vilaĝano, de kie vi estas? — De malproksime, sinjoro. — De kie nome? — De vilaĝo apud Rostov. — Ĉu ĝi estas granda? — Mi ĝin ne mezuris. — Kion vi faris tie? — La pasintan jaron mi tie aĉetis sakon da pizoj. — Bona afero! — Bona, sed ne tre! — Kial? — Mi ebriiĝis kaj disŝutis mian aĉetaĵon. — Malbona afero! — Malbona, sed ne tre! — Kial? — Mi disŝutis unu sakon kaj rekolektis unu kaj kvaronon. — Bona afero! — Bona, sed ne tre. — Kial? — Mi semis la pizojn, sed la rikolto estas malriĉa. — Malbona afero! — Malbona, sed ne tre! — Kial? — Da pizoj mi ricevis malmulte, sed da pizŝeloj mi akiris multe. — Bona afero! — Bona, sed ne tre! — Kial? — La porko de nia popo venis en la pizplantejon kaj difektis ĝin. — Malbona afero! — Malbona, sed ne tre! — Kial? — Mi mortigis la porkon kaj el ĝi ricevis bonan porkaĵon. — Bona afero! — Bona, sed ne tre! — Kial? — La hundoj de l' popo kutimis ŝteli mian porkaĵon. — Malbona afero! — Malbona, sed ne tre! — Kial? — Mi mortigis la hundojn kaj faris el ilia felo pelton por mia virino. — Bona afero! — Bona, sed ne tre! — Kial? — Mia virino pasis antaŭ la domo de l' popo, li rekonis la felon kaj forprenis la pelton. — Malbona afero! — Malbona, sed ne tre! — Kial? — Mi portis plendon al la tribunalo, kaj la popo estis kondamnata redoni la pelton. — Bona afero! — Bona, sed ne tre! — Kial? — Por gajni la aferon, mi estis devigata doni al la juĝisto mian bovinon!“

Esperantigis A. Kofman.

## 2. Cedemo.

Du maljunuloj loĝis en unu ĉambro; ili estis longe kunvivintaj kaj neniam malpacintaj inter si.

Foje unu el ili diris:

„Kiamaniere la homoj malpacas reciproke? Ĉu ni ne povas fari tion ĉi, almenaŭ unu fojon?“

„Mi bedaŭre ne scias, per kio oni tion komencas“, respondis la alia.

La unua diris: „Mi metos sur la tablon nian taseton, kaj mi diros: ĝi estas la mia, kaj vi rimarkos: ĝi ne estas la via, sed la mia; kaj tiel la malpaco komenciĝos.“

La maljunulo metis la taseton kaj diris: „La taseto estas la mia.“

Tiam la alia respondis: „Ne, ĝi estas la mia!“

La unua ripetis: „Malvere! mi diras al vi, ke ĝi estas la mia!“ Ĉe tio ĉi la dua diris: „Nu bone, se ĝi estas la via, prenu ĝin.“

Kaj malgraŭ ĉio ili ne povis fari inter si malpacon.

El la lingvo rusa trad. A. Kofman.

---

**Venonta numero aperos eke de majo.**

# Tabelo de la abonantoj de IPR.

| Lando | 1932 | ne pagis | 1931 |
|---|---|---|---|
| Albana | 1 | — | 1 |
| Alĝera | 1 | — | — |
| Argentina | 1 | — | 1 |
| Aŭstralia | 1 | — | 2 |
| Aŭstra | 20 | — | 19 |
| Belga | 1 | — | 3 |
| Brazila | 3 | 3 | 2 |
| Brita | 23 | 4 | 28 |
| Bulgara | 12 | — | 14 |
| Ĉeĥoslovaka | 34 | 4 | 44 |
| Ĉila | 1 | 1 | 1 |
| Ĉina | 1 | — | 2 |
| Dana | 4 | 1 | 3 |
| Egipta | 2 | 1 | 3 |
| Estona | 10 | — | 12 |
| Finlanda | 8 | 2 | 10 |
| Franca | 33 | 1 | 11 |
| Germana | 3 | — | 3 |
| Greka | — | — | 7 |
| Hinda | — | — | 1 |
| Hispana | 4 | — | 1 |
| Hungara | 5 | 3 | 4 |
| Iraka | — | — | 2 |
| Irlanda | — | — | 1 |
| Islanda | 1 | — | 1 |
| Itala | 1 | — | — |
| Japana | 11 | 6 | 8 |
| Jugoslava | 13 | 11 | 9 |
| Kanada | 2 | — | 1 |
| Latva | 15 | 8 | 15 |
| Litova | 6 | 1 | 5 |
| Nederlanda | 37 | — | 25 |
| Ned. Hinda | 6 | — | 3 |
| Norvega | 5 | 2 | 5 |
| Novzelanda | 1 | — | 2 |
| Perua | 1 | 1 | 1 |
| Pola | 9 | — | 31 |
| Portugala | 1 | — | 1 |
| Rumana | — | — | 1 |
| Rusa | — | — | 2 |
| Sveda | 20 | — | 58 |
| Svisa | 3 | — | 5 |
| Urugvaja | 1 | 1 | 1 |
| USA-a | 6 | 2 | 6 |
| Sume | 307 | 52 | 355 |
| Germana | 119 | — | 149 |
| Saksa | 225 | — | 360 |
| | 651 | 52 | 864 |

Kurt Hofmann, adm.

Eldono de

# J. B. WOLTERS

Groningen, Nederlando, (den Haag kaj Batavia)

E Boltjes
R. J. Kuiper
H. J. Jonker
P. Korte
mej. J. Nijboer

## Floretoj

Porinfanaj Rakontoj
Tradukitaj de la
„Vendreda Klubo"
en Winschoten (Nederlando)

Kun granda nombro da koloraj kaj nigraj bildoj,
desegnitaj de
C. JETSES
Prezo: 0.70 nedl. guld.

---

## Aperis ĉe la eldonistoj W. J. Thieme & Cie. Zutphen (Nederlando)

Carlotte Bronte, JANE EYRE,
el la angla lingvo tradukis H. J. Bulthuis, ano de la Lingva Komitato; broŝurita: f 5.25, bindita: f 5.90

Hendrik Conscience, LA LEONO DE FLANDRUJO,
el la flandra lingvo tradukis H. J. Bulthuis, rekomendita de la Esperantista Literatura Asocio; broŝurita: f 3.25, bindita: f 3.75.

Henrik Ibsen, IMPERIESTRO KAJ GALILEANO,
mondhistoria teatraĵo, tradukita de H. J. Bulthuis, L. K. Rekomendita de la Esp. Literatura Asocio; broŝ.: 3.50, bind.: f 3.90.

Joost van den Vondel, GIJSBREGHT VAN AEMSTEL,
La detruo de la urbo kaj ekzilo. Tragedio. El la nederlanda originalo tradukis Ir. J. G. R. Isbrücker. Broŝ.: f 1.95, bind.: f 2.50.

ODUSSEIAS DE HOMEROS,
El la antikva greka lingvo tradukis W. A. J. Manders. Broŝurita: f 3.90, bindita: f 4.65.

Verlagsort: Riesa/Elbe.

PRESO: HEROLDO DE ESPERANTO, KÖLN